**Redakcio kaj administracio: Budapest, IX., Mester-utca 53, V. 7. Telefono 380—84.**

**Abonprezo por jaro: 9·—, duonjaro: 5·—, unu ekz.: 1·— svisaj frankoj, specimeno: 1 resp. kupono**

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

# *Novan jaron*

komencas Literatura Mondo. La kvaran jaron de sia ekzistado. Grava, peza jaro estis la pasinta. Pro kaŭzoj, de vi bone konataj ni ne havos en tiu ĉi jaro la nomon de Baghy sur la paĝoj de la revuo. Kaj pro kaŭzoj, kiujn ni aparte klarigas al vi, ni ne havos nun iun ajn nomon, kiel redaktoron, krom la sola, leĝe necesa respondeca redaktoro. Gravaj ŝanĝoj laŭekstere, sed neniа ŝanĝo interne. Via revuo en la manoj de la malnovaj laborantoj estos tute la sama kiel antaŭe. Kaj parolante al la legantoj la redakcio povas nur promesi la saman sintenon en la aferoj de la literatura evoluo de Esperanto, en la aferoj koncernaj la problemojn de la homa literaturo, kiun ĝi sekvis ĝis nun. Por tio ni povas al vi doni nian nepran promeson.

Pasintan jaron ni faris kelkajn reformetojn pri la ilustraĵoj. Ni donis al vi tutan jaron senpage, entute sur 96 paĝoj Bibliografian Gazeton, kiun alkalkulante ni donis al vi entute 292 paĝojn de Literatura Mondo. En tiu ĉi jaro ni plivastigos la Bibliografian Gazeton, aperigos en granda formato, donante al vi dum la tuta jaro minimume 300 paĝojn.

Nia eldonejo kaj la de ĝi fondita Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj donos en la manojn de la Esperantistoj dum 1934. librojn, pri kiuj vi rajtos fieri; kiaj ĝis nun ne aperis en nia literaturo. Sed pri ili vi jam legis nian planon en Bibliografia Gazeto.

Ni faras la maksimumon de niaj ebloj por nia literaturo. Ĉu ankaŭ vi faras tiun maksimumon? Ni kredu, ke jes kaj vi ne forlasos la ĝisnun subtenatajn revuon kaj eldonejon.

Ne kredu, ke nia vivo estas senzorga kaj senĉagrena. Iuj opinias, ke niaj eldonaĵoj atakas la sanktan katolikan eklezion kaj anoncas bojkoton kontraŭ ni! Aliaj opinias, ke ni estas faŝistoj, ĉar ni ne estas emaj partopreni tagajn politikajn diskutojn kaj triaj estas konvinkitaj, ke ni povas esti nur aĉaj komunistoj, ĉar ni vendas kaj objektive recenzas eĉ librojn, verkitajn de komunistoj. El lingva vidpunkto nin trafis la plej akraj atakoj, ĉu prave aŭ ne, tion pruvos la estonto. Estas unusola afero certa: ni neniam pekis kaj neniam pekos kontraŭ la fundamento de nia lingvo kaj ni kredas, ke se ni evoluigos la lingvon pli kuraĝe, pli rapide, ol tion iuj esperantistoj kredas, tio tamen ne faros ilin malamikoj al la verkistoj kaj eldonejo, kiuj laboras tiom entuziasme, tiom persiste por la riĉigo de nia literaturo, ili rigardos nur la komunan celon kaj per komunaj fortoj, per komunaj fortostreĉoj ni helpos unu la alian plikonstrui la palacon de nia literaturo, unu el la plej gravaj premisoj por la venko de Esperanto.

En tiu espero ni salutas vin via

*Literatura Mondo*

# Niaj reprezentantoj:

**Aŭstrio:** Rudolf Foltanek, *Wien*, I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704

**Australio:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, *Pymble* N. S. W. Church St. »Tallangetta«.

**Belgujo:** Belga Esperanto Instituto *Antwerpen*, Kleine Hondstraat 11. Poŝtkonto nro 1689.58.
Flandra Esperanto-Instituto. *Kortrijk*, Marckesteenweg 18, poŝtkonto nro 3268.51.

**Britujo:** Alec Venture, *Mitcham*, (Surrey) 42 Hawkes Road.

**Bulgarujo:** Centra Librejo »Esperanto« *Sofia* str. Maria Luiza 38.

**Ĉeĥoslovakio:** Otto Sklenĉka, *Hradec-Kralové*. Poŝtkonto nro: Brno 110.878.

**Danujo:** Isosek, sro L. Friis *Aabyhöj*, Frodesvej 21. Poŝtkonto nro: 16295.

**Estonio:** Helmi Dresen, *Tallinn*, Poŝtkest 6.

**Francujo:** Centra Esperanto Librejo *Paris* 6e, 11 rue de Sévres
Poŝtkonto: Librairie Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.
*S. Grenkamp-Kornfeld*, Paris XIV-e 117 Bd. Jourdan.

**Germanujo:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, *Berlin 138084*

**Hispanujo:** Ferdinand Montserrat, *Barcelona*, str. Provenza 75, 2—3a

**Italujo:** Itala Esperanto Centro *Milano*, Galleria Vittorio Emmanuele II. 92. Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.

**Jugoslavujo:** Sudslava Esperanto Servo *Zagreb*, Primorska 11.
La Suda Stelo *Slavonski Brod* Poŝtfako 44.

**Latvio:** Pocztowa Kasa Oscednosĉi Warszawa P. K. O. Riga Nr. 4.030 *surskribu:* Na konto Administracja Literatura Mondo Krakow Nr 403 148.

**Nederlando:** Leo Moreau, *Arnhem*, Raapopsche weg 55. poŝtkonto nro 13848.

**Norvegujo:** Norvega Ligo Esp-ista, *Oslo*, Bergsliengata *11*.

**Polujo:** Halina Weinstein, *Warszawa*, str. Leszno 99
Izrael Lejzerowicz, *Lodz*, Skwerowa 20. Poŝtkonto nro W. P. K. O. 68273.

**Rumanujo:** Esp.-Instituto Rumana, *Cluj*, str. Bravilor 15

**Svedujo:** Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm*, 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578

**Svisujo** Nova Esperanto Grupo, sro Hans Pfiffner, *ST. Gallen* C. Gallusstrasse 34. Poŝtkonto: Nr. IX. 53.44.

**Japanujo:** Japana Esperanto Instituto *Tokio*, Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.

**Usono:** Amerika Esperanto-Insituto. Madison, (Wis.) Sherlok Hotel

**Aliaj landoj** ne menciitaj ĉi tie, bonvolu sendi poŝtmandaton al Pocztowa Kasa Oszczednoŝci, Krakow Nro 403148 Administracja Literatura Mondo.

# La verda lacerto

— Hendrik Adamson —



*La blindulo:* Do ni sidiĝu vidalvide, ĉiu sur sia arbostumpo por pridiskuti, kiu kulpas pri nia malfeliĉo. La vortojn, kiujn vi ne povas aŭdi, vi do vidas rigardante mian buŝon.

*La surdulo:* Certe, mi vidas. Estas strange, ke vi ilin aŭdas. Kion vi opinias, ĉu ne estas kurioze aŭdi kelkfoje kelkajn vortojn? Ĉu vi ne povas helpi min tiurilate?

*La blindulo:* Ne, tio tute ne estas ebla. Kiu estas vidpova, tiu kompatas nin blindulojn, sed laŭ mia opinio la vidantoj estas rilate al ni pli blindaj ol ni mem. Sed malgraŭ tio mi ne kompatas ilin. Ĉu ne ŝajnas al vi, ke tiu ĉi »vidi« estas kelkfoje kaŭzo de nura mizero por ili?

*La surdulo:* Ne, tion mi ne trovas. Aŭdi — jes. Mi pensas, ke al mi ne tro plaĉus ĉiam aŭskultadi ion. Por pli klare kompreni la vorton »aŭdi«, estus tolereble vidi ĝin unu fojon, tiun strangan, ĉie sin trovantan, ĉie vin sekvantan aperaĵon, kiu vi nomas »sono«, sed ĉiam — ne.

*La blindulo:* Iom post iom mi komprenas. Konkludante laŭ analogia metodo, apriore, kiel oni diras. Rilate al la sono, vi ja deziras ĝin *vidi*. Sed mi? Mi volus *aŭdi* tiun tedan »lumon«, nur unufoje, kompreneble, ĉar tiu multo da koloroj, ombroj, trembriloj kaj ceteraj aferoj min tre timigas. Mi ne longe povus aŭskulti vian »vidi«.

*La surdulo:* La celo de via parolo ŝajnas komprenebla al mi. Ankaŭ mi ne longe povus rigardi vian »aŭdi«. Kredeble vi opinias tiun »vidi« egala al mia »aŭdi«. Ĉu ne?

*La blindulo:* Vi prenis la vorton el mia buŝo.

*La surdulo:* Vi konkludis apriore. Nun ni provu ektrafi la veron alimaniere, aposteriore.

*La blindulo:* Ne estas eble por ni.

*La surdulo:* Kial?

*La blindulo:* Ni ja ne havas komunan lingvon.

*La surdulo:* Ni elektu certan aferon kiel elirpunkton. Ni klarigu reciproke la signifon de kelkaj vortoj, ekzemple »verda«. Ĉu vi komprenas ĝin? Ĉu vi scias, kion signifas »verda«?

*La blindulo:* Ne! Klarigu, mi petas!

*La surdulo:* La herbo, arbfolioj... Aŭ, jen pli bone. Mi havas du vitropecojn, blankan kaj verdan. Ĉu vi povas ilin distingi?

*La blindulo:* Ne, mi nur komprenas, ke vi simple mokridas pri mi, ĉar tiuj ĉi vitropecoj tute egalas: egale glataj, egale malvarmaj, egale sengustaj, egale senodoraj ili estas kaj ankaŭ egale tintas. »Tintas« signifas la sonon.

*La surdulo:* La sonon? Ne eble. Rigardu denove!

*La blindulo:* Mi ja aŭdas. Mi ja ne estas surda.

*La surdulo:* Nenion mi vidas. Efektive vi estas tute blinda. Neeble, ke ili ĉiurilate tute egalas. Se ili egale sonis, ni tamen ne havas komunan koncernpunkton.

*La blindulo:* Ni havas ĝin. Kaj ĉu vi scias? Mi antaŭ nelonge ricevis falsan moneron, kiun oni povas diferencigi de vera nur laŭtinte, cetere ĝi tute egalas al vera. Mi donas al vi du monerojn, falsan kaj veran. Ĉu vi povas distingi, kiu el ili estas la falsa?

*La surdulo:* Ne, mia kara. Eble vi opiniis, ke mi vin trompas, kaj nun vi volas egalmezure rekompenci al mi. Tiuj moneroj estas tute samecaj, same grandaj, same dikaj, same surskribitaj, same malmolaj, samkoloraj. Unuvorte: estas plena sameco.

*La blindulo:* Sed laŭtinte! Donu al mi! Aŭskultu! Ĉu vi ne aŭdis?

*La surdulo:* Kion? La moneroj estis ĵetataj sur arbostumpon...

*La blindulo:* Nu — kaj tiam?

*La surdulo:* Kaj tie ili restas.

*La blindulo:* Sed kio okazis, kiam mi ĵetis?

*La surdulo:* Nenio neordinara okazis.

*La blindulo:* Do ni tamen ne atingas komunan konkludon.

*La surdulo:* Kial?

*La blindulo:* Ekzistas aferoj nedistingeblaj por vi, kiujn mi distingas, kaj male. Ni simple ne komprenas unu la alian, kvazaŭ ni apartenus al la konstruantoj de la babela turo.

*La surdulo:* Sed konkludi ni ja povas malgraŭ ĉio?

*La blindulo:* Pri kio?

*La surdulo:* Ke al mi mankas io, kio vin helpas distingi tiujn ĉi du monerojn, kaj al vi mankas io, per kio mi rekonas el du vitropecoj la verdan kaj la blankan.

*La blindulo:* Ho, vi konkludas tiel, ke mi preskaŭ devas opinii ke vi aŭdas.

*La surdulo:* Eble vi estas prava. Mi aŭdas tion, kion vi aŭdas aŭdante nenion.

*La blindulo:* La silenton.

*La surdulo:* Do ni trovis la unuan koncernpunkton: ankaŭ mi povas aŭdi la silenton.

*La blindulo:* Kaj min logas la silento. Ĝi enhavas ion misteran. Ŝajnas, kvazaŭ mi estus ie en granda, granda templo, kaj image levinte la rigardon, mi kvazaŭ povas vidi Lin, Grandan kaj Eternan kun la multego de Lia militistaro. Sed certe tio ĉi estas iluzio, ĉar ĉiuj konas min kiel tute blindan, nenion vidantan.

*La surdulo:* Vi memorigas min pri sento, kiu ekregas min, kiam per fermitaj okuloj oni rigardas la mallumon.

*La blindulo:* Ankaŭ mi povas vidi la mallumon.

*La surdulo:* Tio povas esti dua koncernpunkto. Sed lasu min daŭrigi. Ankaŭ mi sentas min en templo kaj imagas, kiam en la orelojn blovas malforta venteto, ke mi aŭdas la ŝvebobrueton de anĝelflugiloj kaj



700167-D

kantadon ilian antaŭ la trono de la Eternulo. Sed eble ankaŭ tio estas nur iluzio.

*La blindulo:* Tute certe, ĉar vi estas surdulo de via naskiĝo.

*La surdulo:* Nenion tio pruvus, se ni nur kredus.

*La blindulo:* Jes, se ni kredus. Sed kiom kredemaj estas tiuj feliĉuloj, kiuj samtempe kaj vidas kaj aŭdas?

*La surdulo:* Vi do ne envias ilin?

*La blindulo:* Neniom. Ĉiam povi vidi min nur suferigus.

*La surdulo:* ... aŭ ĉiam povi aŭdi.

*La blindulo:* Permesu al mi havi alian opinion pri tio.

*La surdulo:* Tre volonte, dum koncerne al vido mi estas iom pli evoluinta.

*La blindulo:* Dube. Ĉu vi ne aŭdis, ke vidpovuloj diras: mi ne povas, mi ne volas tion vidi.

*La surdulo:* Same mi vidis aŭdpovulojn plendi: nenion mi volas aŭdi plu pri tio.

*La blindulo:* Vi estas prava pri tio. Ŝajnis envi-inde al mi, kiam oni insultis vin, kaj vi restis en neŝancelebla trankvilo, ĉar vi ne povis aŭdi tion.

*La surdulo:* Same ŝajnis al mi, kiam oni grimacis kaj petolaĉis antaŭ vi, kaj vi tamen restis trankvila, ĉar vi ne povis vidi tion.

*La blnidulo:* Sed tamen mi sentis tion.

*La surdulo:* Ankaŭ mi, ankaŭ mi.

*La blindulo:* Kaj vi ridis?

*La surdulo:* Kaj mi ridis. Ridis pri tio, ke ili timis min — malfortan, mizeran almozulon — kaj ne kuraĝis stari antaŭ mia vizaĝo.

*La blindulo:* Ankaŭ mi ridis, enkore plorante.

*La surdulo:* Vane vi tiel kompensis al vi mem la krudon de malnobluloj.

*La blindulo:* Pri ili mi enkore ploris, min tio ja ne povis ĝeni: mi ja ne povis vidi — laŭ ilia opinio — kaj kiu profitas de la difektoj de alia, tiu tamen estas la malpli forta.

*La surdulo:* Principe malpli forta. Sed ni lasu tion. Jus ni eltrovis du koncernpunktojn: silenton de mia flanko kaj mallumon de la via. Min interesas ekscii, ĉu inter tiuj punktoj — se ili ne kongruas — ne troviĝas interligaj linioj.

*La blindulo:* Ne. Tiel mi opinias: la linioj de mallumo kaj tiuj de l' silento kruce tranĉas unu la alian. Mi supozis, ke la koncernpunkto estas sur la linio de mallumo, vi, ke sur la linio de silento. Sed tamen estas la sama punkto kaj ĝi ricevas sian nomon depende de tio, sur kiu linio ĝi estas serĉata. Ĉu vi komprenas, kion mi volas diri?

*La surdulo:* Iomete mi divenas.

*La blindulo:* Certe, tio ne estas tro klara, sed — laŭ mia opinio — eĉ la aŭdantoj-vidantoj per siaj akraj langoj ne povas esprimi tion ĝuste.

*La surdulo:* Malproksime ili estas de tio! Sed nu, jen kion mi demandas: mi vere ne komprenas, kian mankon ni havas. Kial ni estas malfeliĉuloj?

*La blindulo:* Tial, ke mi ne vidas malgraŭ via plej bona montrado, kaj vi ne aŭdas malgraŭ mia plej longa dirado. Ni ne sukcesas reciproke esprimi sufiĉe klare niajn proprajn sentojn.

*La surdulo:* Ĉu tion povas tiuj, kiuj estas tiel riĉaj, tiel malŝpareme luksamaj, ke ili samtempe vidas kaj aŭdas, ĉu ili povas tion?

*La blindulo:* Mi ne scias. Ne kredeble. Sed el via tono elsonas, el viaj vortoj estas evidente, kiel vi ilin envias.

## La Marodisto

— Henrik de Réginer —

Ĉar rabis li vinberojn kaj ĉelojn da mielo,
aŭ el la kel' felsakon, aŭ de la arbo piron,
ja pluraj, por ekkapti ĉi tiun hejm-satiron
kaptilon metus, maŝon pendigus kun kruelo.

Sed mi, indulga mastro de l' vino kaj abelo,
sen forko por lin bati aŭ bari la trairon,
vespere, dum li vitojn esploris kaj spaliron,
ekkaptis la ŝteliston ĉe l' pinto de l' orelo.

Li estis rufa, vila, konfuza, kaj sur lia
vizaĝ' platnaza, timo sin miksis kun grimaco;
snufegis li, sed restis sen piedbat' en paco.

Kaj, dum mi lin kondukis tra l' bieno familia,
post mi, en ombr' aŭdiĝis, kun paŝetado tinta,
korno de l' seka hufo, sur foliar mortinta.

El la franca: *G. Waringhien*

## Vintra nokto

— G. Careucci —

Antaŭen, plu antaŭen. Kun egal-hela lumo
la neĝo sur krepuskaj deklivoj sin etendas
kaj cedas ĝi kaj grincas sub la pied': la fumo
de mia spir' vaporas kaj la aeron fendas.

Krome — silento. Kuras tra l' granda blank' la Luno
inter senmovaj nuboj, kaj ĝi desegne sendas
sur neĝon la ombraĵon de pin' de kiu pendas
taŭzitaj branĉoj, time al la senforma humo

klinitaj, kiel pensoj sinkantaj mortserĉante.
Brakumu min, ho vintro, per via gel' ĝisosta,
min glaciigu tute sub ŝtormaj plagoj fortaj;

kaj la ŝip-drona penso el ondoj emerĝante
ekkriu al ĉielo: »Ho nokt', ho vintro frosta,
kion malsupre faras nun la kuŝantoj mortaj?«

El la itala: *L. Bruno*

---

*La surdulo:* Apenaŭ. Tian komprenon, kia ekzistas ĉe ni pri ni mem kaj ankaŭ pri ili, ili neniam havas.

*La blindulo:* Tio estas la vera vorto. Sed mi aŭdas brueton.

*La surdulo:* Tio estas verda lacerto. Mi ĝin ekkaptis.

*La blindulo:* Jes, mi vidas. Mi intence diras, ke mi vidas. Ĉu vi scias kion?

*La surdulo:* Nu?

*La blindulo:* Ŝajnas al mi, kvazaŭ mi povus vidi per viaj okuloj.

*La surdulo:* Kaj mi aŭdi per viaj oreloj.

*La blindulo:* Sed tamen ne estas tiel.

*La surdulo:* Ne, tiel ne estas.

*La blindulo:* Ni havas unu veston por ambaŭ.

*La surdulo:* Unu veston por ambaŭ ni havas.

*La blindulo:* Se unu vestiĝas, la alia seniĝas.

*La surdulo:* Jes, la alia seniĝas.

*La blindulo:* Ho, se ebliĝus donaci al vi miajn orelojn.

*La surdulo:* Aŭ al vi miajn okulojn.

*La blindulo:* Tiel *ili* ne agus.

# La fontano de juneco

— Nathaniel Hawthorne —

Tiu tre stranga viro, maljuna Dro. Heidegger, foje invitis kvar aĝajn amikojn por kunveni kun li en lia studejo. Estis tri blankbarbaj viroj kaj velkinta sinjorino, kies nomo estis vidvino Wycherley. Ili ĉiuj estis melankoliaj, maljunaj estaĵoj, kiuj estis estintaj malfeliĉaj en la vivo, kaj al kiuj la plej granda malfeliĉo estis, ke ili ne estis jam de longe en la tombo. Sro. Melbourne, en sia plej matura aĝo, estis prospera komercisto, sed perdis la tutan havaĵon per freneza spekulacio, kaj nun estis apenaŭ pli bone ol almozulo. Kolonelo Killigrew malŝparis siajn plej bonajn jarojn, ankaŭ siajn sanon kaj posedaĵojn, sekvante plezuretojn, kiuj naskis aron da doloroj, kiel la podagro, kaj diversaj aliaj turmentoj de animo kaj korpo. Sro. Gascoigne estis ruinigita politikisto, viro malbonfama, aŭ almenaŭ estis tia, ĝis la tempo lin malaperigis el la kono de la nuna generacio kaj igis lin nekonata anstataŭ malglora. Kiom koncernas vidvinon Wycherley, la tradicio diras al ni, ke ŝi estis glora belulino en sia junaĝo; tamen, jam de longe, ŝi vivis en profunda izolateco pro certaj skandalaj historioj, kiuj antaŭinfluis kontraŭ ŝi la sinjoraron de la urbo. Estas menciinda cirkonstanco, ke ĉiu el ĉi tiuj tri maljunaj sinjoroj estis frua amanto de vidvino Wycherley, kaj iam ili estis tranĉontaj al si reciproke la gorĝon pro ŝi. Kaj antaŭ ol pluiri, ni nur sugestetos, ke Dro. Heidegger kaj ĉiuj liaj kvar gastoj, estis kelkfoje konsiderataj iomete frenezetaj; kiel ne malofte okazas rilate al maljunaj homoj ĝenataj aŭ de nunaj zorgoj aŭ de doloraj rememoroj.

— Karaj malnovaj amikoj, — diris Dro. Heidegger, signante per manmovo, ke ili sidiĝu, — mi deziras vian helpon por unu el tiuj malgravaj eksperimentoj, per kiuj mi min distradas ĉi tie en mia studejo.

Se ĉiuj historioj estis veraj, la studejo de Dro. Heidegger estis tre stranga ejo. Ĝi estis malhela, malmoderna ĉambro, festonita de araneaĵoj, kaj aspergita de antikva polvo. Ĉirkaŭ la muroj staris kelke da kverkaj librujoj, plenaj de libroj de ĉiuj specoj kaj grandoj. Super la meza librujo troviĝis bronza busto de Hipokrato, kun kiu, laŭ iuj aŭtoritatuloj, Dro. Heidegger kutimis konsultadi pri ĉiuj malfacilaj malsanoj de sia klientaro. En la plej malluma angulo de la ĉambro staris alta kaj mallarĝa kverka ŝranko, la pordo nefermita, en kiu malklare vidiĝis skeleto. Inter du el la librujoj pendis spegulo, prezentantan sian altan kaj polvan platon interne de malbriliĝinta orumita kadro. Inter la multaj mirindaj historioj rakontitaj pri ĉi tiu spegulo, oni fabelis, ke la spiritoj de ĉiuj mortintaj pacientoj de la doktoro loĝis en ĝia rando, kaj rigardadis al li en la vizaĝon, kiam ajn li tien rigardadis. La kontraŭan flankon de la ĉambro ornamis la plengranda portreto de junulino, vestita per la velkinta grandiozeco de silko, atlaso, kaj galono, kaj kun vizaĝo tiom velkinta, kiom la vestaĵoj. Antaŭ pli ol duonjarcento, Dro. Heidegger estis jus edziĝonta kun ĉi tiu junulino, sed iomete malsaniĝinte, ŝi glutis unu el la preskriboj de sia amanto kaj mortis en la vespero antaŭ la edziniĝo.

La plej grandan kuriozaĵon de la studejo oni devas ankoraŭ mencii; ĝi estis pezega volumo, bindita per nigra ledo, kun masivaj arĝentaj agrafoj. Ne estis literoj sur la kovriloj, kaj neniu povis malkovri la titolon de la libro. Sed ĝi estis bone konata kiel libro pri magio; kaj unufoje, kiam ĉambristino estis ĝin levinta, nur por forviŝi la polvon, la skeleto klakis en sia ŝranko, la bildo de la junulino metis unu piedon sur la plankon, kaj kelkaj kadavraj vizaĝoj kaŝe rigardis el la spe-

---

*La surdulo:* Ne, ili tiel ne agus.

*La blindulo:* En mia situacio ili siajn proponus okulojn.

*La surdulo:* Aŭ en la mia siajn orelojn.

*La blindulo:* Kaj poste mi vin forlasus tie ĉi.

*La surdulo:* Aŭ mi vin.

*La blindulo:* Ha ha ha! Ĉu vi scias?

*La surdulo:* Mi scias.

*La blindulo:* Kion do?

*La surdulo:* Ke viajn proponitajn orelojn vi bedaŭrus.

*La blindulo:* Kiel vi viajn okulojn.

*La surdulo:* Ĉar tiam ni estus ili.

*La blindulo:* Ĝuste ili.

*La surdulo:* Kaj agus kiel ili.

*La blindulo:* Kaj agus kiel ili.

*La surdulo:* Mi vian veplendon ne aŭdus.

*La blindulo:* Ne vidus mi vian mizeron.

*La surdulo:* Vidante ne vidus, aŭdante ne aŭdus.

*La blindulo:* Nek vidus, nek aŭdus.

*La surdulo:* Kaj eĉ se ni povus doni unu al la alia la lumon aŭ la aŭdon, ni tion ne farus.

*La blindulo:* Nu ne, ni tion ne farus.

*La surdulo:* Ĉu vi scias, mi ne envias ilin: ili — mizeruletoj — opinias, ke ili aŭdas, sed tamen ili ne aŭdas.

*La blindulo:* Ili opinias, ke ili vidas sed tamen ne vidas.

*La surdulo:* Ĉu vi aŭdas brueton?

*La blindulo:* Jes, mi vidas verdan lacerton.

*La surdulo:* Ĝi aŭdas.

*La blnidulo:* Kaj vidas.

*La surdulo:* Sed ne aŭdas.

*La blinduloo:* Kaj ne vidas.

*Ambaŭ:* Unu solan.

*La surdulo:* La morton.

*La blindulo:* Jes, la morton.

*La surdulo:* Serpento ĝin ekkaptis.

*La blindulo:* Kaj englutis.

*La surdulo:* Tiel ankaŭ ili.

*La blindulo:* La homoj.

*La surdulo:* Ili aŭdas.

*La blindulo:* Kaj vidas.

*Ambaŭ:* Ĉion.

*La surdulo:* Sed ne aŭdas.

*La blindulo:* Kaj ne vidas.

*Ambaŭ:* Unu solan.

*La surdulo:* La morton.

*La blindulo:* La lacerto ekkaptis la muŝon.

*La surdulo:* La serpento englutis la lacerton.

*La blindulo:* La erinaco la serpenton ekmanĝos.

*La blindulo:* Ĉasisto mortpafos la vulpon.

*La surdulo:* La vulpo ekmanĝos la erinacon.

*Ambaŭ:* Kaj iam alvenos la vico de la ĉasisto. Kaj la ĉasisto pereos kaj ĉio pereos, la ter' rigidiĝos kaj la sun' malfandiĝos, por ke aŭdu surdulo la nomon vokotan, por ke vidu blindulo tutklare la amatojn.

gulo; dum la bronza kapo de Hipokrato malsereniĝis kaj diris: »Detenu!« Tia estis la studejo de Dro. Heidegger.

En la somera posttagmezo de nia rakonto, malgranda ronda tablo, nigra kiel ebono, staris en la centro, portante vazon el kvarcvitro kaj de belega formo kaj komplika prilaboro. La sunbrilo envenis tra la fenestro, inter la pezaj festonoj de du velkintaj damaskaj kurtenoj, kaj falis rekte trans ĉi tiun vazon tiamaniere, ke milda brilo respeguliĝis el ĝi sur la cindrokolorajn vizaĝojn de la kvin maljunaj homoj, kiuj ĉirkaŭsidis. Ankaŭ kvar ĉampanaj glasoj estis sur la tablo.

— Karaj malnovaj amikoj, — ripetis Dro. H. — ĉu mi povas fidi al via kunhelpo por fari ege strangan eksperimenton?

Nu, Dro. H estis tre stranga maljunulo, kies strangajoj jam fariĝis kerno por mil fantaziaj historioj. Kiam la kvar gastoj de la doktoro aŭdis lin paroli pri siaj proponataj eksperimentoj, ili atendis nenion pli mirindan ol la mortigon de muso en aerpumpilo, aŭ la esploron de araneaĵo per mikroskopo, aŭ ian similan sensencaĵon, per kiu li kutimas turmenti siajn intimulojn. Sed ne atendante respondon, Dro. H. lamiris trans la ĉambron kaj revenis kun la sama pezega volumo bindita per nigra ledo, kiun la famo asertis esti libro pri magio. Malfiksinte la arĝentajn agrafojn, li malfermis la volumon, kaj prenis el inter ĝiaj paĝoj rozon, aŭ ion, kio iam estis rozo, kvankam jam la verdaj folioj kaj puncaj petaloj alprenis komunan brunetan koloron, kaj la antikva floro ŝajnis preta polviĝi en la manoj de la doktoro.

— Ĉi tiu rozo, — diris Dro. H. kun ĝemspiro, — ĉi tiu sama velkinta kaj dispecetiĝanta floro ekfloris antaŭ kvindek kvin jaroj. Ĝin donis al mi Sylvia Ward, kies portreto tie pendas; kaj mi intencis porti ĝin ĉe nia edziĝofesto. Kvindek kvin jarojn ĝi estas trezorigita inter la paĝoj de ĉi tiu malnova libro. Nu, ĉu vi opinias ebla tion, ke ĉi tiu rozo de duonjarcento povos iam flori denove?

— Sensencaĵo! — diris vidvino W. kun plendema kapskuo. — Vi povus same bone demandi, ĉu la sulkigita vizaĝo de maljunulino povos iam flori denove.

— Rigardu! — respondis Dro. H. Li malkovris la vazon, kaj ĵetis la velkintan rozon en la akvon, kiun ĝi enhavis.

Unue ĝi kuŝis malpeze sur la supraĵo de la fluidaĵo, ŝajne ensuĉante neniom el ĝia malsekeco. Baldaŭ tamen stranga ŝanĝiĝo vidiĝis. La premitaj kaj sekigitaj petaloj ekmoviĝis, kaj alprenis viviĝantan puncnuancon, kvazaŭ la floro reviviĝus el mortsimila dormo, kaj la maldikaj trunketo kaj branĉetoj de l' foliaro fariĝis verdaj, kaj jen estis la rozo de duonjarcento aspektanta tiel freŝa kiel kiam Sylvia Ward ĝin la unuan fojon donis al sia amanto. Ĝi estis apenaŭ plenkreska; ĉar unuj el ĝiaj delikataj ruĝaj folioj modeste volviĝis ĉirkaŭ ĝia malseka sino, en kiu brilis du-tri roseroj.

— Tio estas ja tre beleta trompo, — diris la amikoj de la doktoro; tamen indiferente, ĉar ili jam vidis pli grandajn miraklojn ĉe iluziista prezentado. — Bonvole diru, kiel tio efektiviĝis?

— Ĉu vi neniam aŭdis pri la Fontano de Juneco? — demandis Dro. H., — kiun Ponce de Leon, la hispana aventuristo, ekserĉis antaŭ du-tri jarcentoj?

— Sed ĉu ĝin Ponce de Leon iam trovis? — — diris vidvino W.

— Ne, — respondis Dro. H., — ĉar li ĝin neniam serĉis en la ĝusta loko. La konata Fontano de Juneco, se oni min ĝuste informis, troviĝas en la suda



A. Cseh. *Laval-karikaturo*

parto de la Florida duoninsulo, ne malproksime de la Lago Makako. Gian fonton superombras kelkaj gigantaj magnolioj ,kiuj, kvankam ili havas la aĝon de sennombraj jarcentoj, restas freŝaj kiel violetoj, pro la ecoj de ĉi tiu mirinda akvo. Konato mia, konante mian scivolemon pri tiaj aferoj, sendis al mi tion, kion vi vidas en ĉi tiu vazo.

— Ahem! — diris kolonelo K., kiu kredis eĉ ne unu vorton de la rakonto de la doktoro — Kaj kio povas esti la efiko de ĉi tiu fluidaĵo rilate al la homa korpo?

— Juĝu por vi mem, kolonelo mia, — respondis Dro. H, — kaj al vi ĉiuj, miaj estimataj amikoj, mi donos tiom de ĉi tiu mirinda fluidaĵo, kiom povas redoni al vi la freŝecon de juneco. Miaparte, multe suferinte dum mi maljuniĝis, mi ne rapidas fariĝi denove juna. Do, kun via permeso mi nur observos la progreson de la eksperimento.

Dum Dro. H. parolis, li plenigis la kvar ĉampanajn glasojn per la akvo de la Fontano de Juneco. Ĝi estis ŝajne saturita de efervesk̂a gaso, ĉar malgrandaj aervezikoj senĉese supreniris de la fundo de la glasoj kaj elŝprucis en arĝentecan akveraron ĉe la supraĵo. Pro tio, ke la likvaĵo difuzigis agrablan odoron, la maljunaj homoj ne dubis, ke ĝi posedas likvorajn kaj konsolantajn ecojn; kaj kvankam tute skeptikaj pri ĝiaj rejunigantaj ecoj, ili sentis deziron ĝin tuj engluti. Sed Dro. H. petis ilin, ke ili haltu dum momento.

— Antaŭ ol vi trinkos, miaj respektindaj maljunaj amikoj, — li diris — estus bone, se vi, kun la vivdaŭra sperto por vin gvidi, kompilus kelke da ĝeneralaj reguloj por via gvidado, dum vi pasos la duan fojon tra la danĝeroj de juneco. Konsideru kia peko kaj honto estus, se vi, kun viaj apartaj avantaĝoj, ne fariĝus modeloj de virto kaj saĝo por ĉiuj junaj homoj de la epoko!

La kvar aĝaj amikoj de la doktoro ne respondis al li, krom per malforta kaj tremanta rido; tiel ridindeĝa estas la ideo, ke, sciante kiel proksime la pento marŝas post la paŝoj de eraro, ili iam ree devojiros.

— Trinku do, — diris la doktoro, sin klinante. — Mi ĝojas, ke mi tiel bone elektis la subjektojn de mia eksperimento.

Per paralizitaj manoj ili levis la glasojn al la lipoj. La likvoron, se ĝi vere posedis tiajn ecojn, kiajn Dro. H. al ĝi atribuis, oni ne povus donaci al kvar homoj, kiuj pro mizero ĝin plie bezonis. Ili aspektis, kvazaŭ ili neniam estus sciintaj, kio estas juneco aŭ plezuro, kvazaŭ ili estus la idoj de la maljuneco,




Hans Jakob *Laval-karikaturo*

de l' Naturo, kaj ĉiam same grizaj, kadukaj, sensukaj, mizeraj estaĵoj, kiuj nun sidis kurbiĝinte ĉirkaŭ la tablo de la doktoro, sen sufiĉe da vivo en siaj animoj aŭ korpoj por esti vigligataj eĉ de l' espero rejuniĝi. Ili eltrinkis la akvon kaj remetis siajn glasojn sur la tablon. Sendube vidiĝis preskaŭ tuja pliboniĝo en la aspekto de la grupo, ne malsimila al tio, kion eble farus glaso da riĉa vino, kune kun subita lumo de gajiga sunbrilo, tuj heliĝanta super iliaj vizaĝoj. Troviĝis sana ruĝeco sur iliaj vangoj, anstataŭ la cindra nuanco, kiu igis ilin aspekti tiel kadavraj. Ili rigardis unu la alian kaj imagis, ke ia magia potenco jam komencis forglatigi la profundajn kaj malĝojajn surskribojn, kiujn Patro Tempo tiel longe gravuradis sur iliaj fruntoj. Vidvino Wycherley alĝustigis sian kufon, ĉar ŝi sin sentis denove preskaŭ kiel virino.

— Donu al ni pli de ĉi tiu mirinda akvo! — ili kriis avide. — Ni estas malpli maljunaj, sed ni estas ankoraŭ tro maljunaj! Rapidu, donu al ni pli!

— Paciencon, paciencon! — diris Dro. H., kiu sidis observante la eksperimenton kun filozofa aplombo. — Vi maljuniĝis en la daŭro de longa tempo; vi certe devus esti kontentaj juniĝi en duonhoro! Tamen la akvo estas por via uzo.

Denove li plenigis iliajn glasojn per la akvo de juneco, kaj sufiĉe el ĝi restis en la vazo por rejunigi duonon de la maljunuloj en la urbo ĝis la aĝo de iliaj propraj nepoj. Dum la aervezikoj ankoraŭ brilis sur la rando, la kvar gastoj de la doktoro ekkaptis siajn glasojn de sur la tablo kaj enstomakigis la enhavon per unu gluto. Ĉu estis trompiĝo? Jam dum la trinko pasis malsupren tra ilia gorĝo, ĝi ŝajnis okazigi ŝanĝojn en ilia tuta korpo. Iliaj okuloj fariĝis klaraj kaj helaj; brila nuanco pliiĝis inter iliaj arĝentecaj bukloj; ili sidis ĉirkaŭ la tablo, tri sinjoroj de matura aĝo kaj virino apenaŭ ekster ŝia vigla matureco.

— Mia kara vidvino, vi estas ĉarma! — kriis kolonelo Killigrew, kies okuloj fikse rigardis ŝian vizaĝon, dum la ombroj de maljuneco flugetis for de ĝi kiel la mallumo for de la punca matenruĝo. La bela vidvino sciis de longe, ke la komplimentoj de kolonelo Killigrew ne ĉiam estas reguligitaj de la serioza vero; do ŝi ekstariĝis kaj kuris al la spegulo, ankoraŭ timante, ke malbela vizaĝo de maljunulino renkontos ŝian rigardon. Intertempe la tri sinjoroj kondutis tiel, ke pruviĝis, ke la akvo de la Fontano de Juneco posedis iajn ebriigajn ecojn; se vere la vigleco de ilia animo ne estis nur delireta kapturniĝo kaŭzita de la subita forigo de la pezeco de la jaroj.

La menso de Sro. Gascoigne ŝajnis sin okupi pri politikaj aferoj, sed ĉu rilate al la pasinteco, aŭ al la nuntempo, aŭ estonteco, tion oni ne facile povis determini, ĉar la samaj ideoj kaj frazoj estas laŭmodaj de antaŭ kvindek jaroj. Jen li klakis plengorĝajn frazojn pri patriotismo, nacia gloro, kaj la rajto de la popolo; jen li murmuris ian aŭ alian danĝeran sensencaĵon, per ruza kaj dubema flustro, tiel singardeme, ke eĉ la propra konscienco apenaŭ povis kapti la sekreton; kaj jen li parolis per regulaj akcentoj kaj per tono profunde respekta, kvazaŭ reĝa orelo aŭskultus liajn poluritajn frazojn. Kolonelo Killigrew dum tuta tiu tempo kantis gajan batalkanton, kaj sonorigis sian glason akorde kun la rekantaĵo, dum liaj okuloj vagis al la diketa formo de vidvino W. Ĉe la transa flanko de la tablo Sro. Melbourne implikiĝis en kalkulo de dolaroj kaj cendoj, kun kiu strange intermiksiĝis projekto por provizi al la Orientaj Indioj glacion per la jungado de balenaro al la polusaj glacimasoj. Kiom koncernas la vidvinon, ŝi staris antaŭ la spegulo riverencante kaj afekte ridetante al la propra bildo, kaj ĝin salutante kiel amikon, kiun ŝi amas pli ol la tutan ceteran mondon. Ŝi puŝis la vizaĝon proksimen al la spegulo por vidi, ĉu iu bone memorita sulketo aŭ »korvpiedo« ja vere malaperis. Ŝi ekzamenis por sciiĝi, ĉu la neĝo jam tiel tute degelis el ŝiaj haroj, ke la malnova ĉapo povas esti konvene flankenĵetota. Fine, sin forturninte vigle, ŝi alproksimiĝis, marŝante kvazaŭ dancante, al la tablo.

— Mia kara maljuna doktoro — ŝi kriis — bonvolu doni al mi ankoraŭ glason!

— Certe, mia kara sinjorino, certe! — respondis la doktoro. — Vidu! Jam mi plenigis la glasojn.

Tie efektive staris la kvar glasoj, plenplenaj de ĉi tiu mirinda akvo, kies delikata aspergaĵo, dum ĝi eferveskis de sur la supraĵo, similis al la tremanta brilo de diamantoj. Estis nun tiom proksime al sunsubiro, ke la ĉambro jam fariĝis pli malluma ol antaŭe; sed milda kaj lunsimila brilo brilis de interne de la vazo kaj restis egale sur la kvar gastoj kaj la maljuna figuro de la doktoro. Li sidis en altdorsa, komplike skulptita, kverka brakseĝo, kun aspekto grize digna, kiu ja povus bone konveni al tiu Patro Tempo mem, kies potenco neniam estis disputita, escepte de ĉi tiu bonŝanca ĉeestantaro. Eĉ trinkinte la trian trinkon de la Fontano de Juneco, ili estis preskaŭ timfrapitaj de la esprimo de lia mistera vizaĝo. Sed la sekvantan momenton la vigliga kuro de juna vivo sin sentigis tra iliaj vejnoj. Ili estis nun en la feliĉa plejforto de ju-



Raymond Schwartz *Laval-karikaturo*

neco. La maljuneco, kun sia mizera sekvaĵo de zorgoj kaj bedaŭroj kaj malsanoj memoriĝis nur kiel maltrankvilo de sonĝo, el kiu ili jam ĝoje vekiĝis. La freŝa brilo de la animo, perdita tiom frue, kaj sen kiu la sinsekvaj scenoj de la mondo estis nur galerio de velkintaj bildoj, denove ĵetis sian sorĉon super ĉiujn iliajn esperojn. Ili sin sentis kiel nove kreitaj estaĵoj en nove kreita universo.

— Ni estas junaj! Ni estas junaj! — ili ekkriis ĝojege.

La juneco, same kiel la ekstremeco de la maljuneco, jam forigis la forte markitajn trajtojn de la mezaĝo, kaj kunfandis ilin ĉiujn. Ili estis aro de gajaj gejunuloj, preskaŭ freneziĝintaj pro la superabunda petolemo de ilia aĝo. La plej stranga rezultato de ilia gajeco estis impulso moki la malfortecon kaj la kadukecon, kies viktimoj tiel antaŭnelonge ili estis. Ili laŭte priridis siajn elmodiĝintajn vestaĵojn, la jakojn kun la larĝaj baskoj kaj la veŝtojn kun klapoj portatajn de la junuloj, kaj la malnovajn kufon kaj robon de la floranta knabino. Unu traîris lamente sur la planko, kiel podagra avo; alia metis okulvitrojn sur la mezon de sia nazo kaj ŝajnigis studi atente la gotliterajn paĝojn de la libro pri magio; la tria sidiĝis en brakseĝo kaj penis imiti la aĝan dignecon de Dro. H. Poste ĉiuj kriis gaje, kaj ĉirkaŭsaltis en la ĉambro. Vidvino Wycherley — se oni povas nomi vidvino tiel freŝan knabinon — alpaŝetis la seĝon de la doktoro kun petola gajeco sur sia roza vizaĝo.

— Doktoro, kara maljunulo! — ŝi ekkriis — leviĝu kaj dancu kun mi!

Tiam la kvar gejunuloj ridis eĉ pli laŭte, pensante kiel strange aspektus la doktoro.

— Pardonu al mi, mi petas, — kviete respondis la doktoro, — maljuna kaj reŭmatisma mi estas, kaj por mi la dancado finiĝis antaŭ longe. Sed unu aŭ alia el ĉi tiuj gajaj junuloj estos feliĉa havi tiel belan kunulinon.

— Dancu kun mi, kara! — ekkriis kolonelo Killigrew.

— Ne, ne, mi volas esti ŝia kunulo! — ekkriis Sro Gascoigne.

— Antaŭ kvindek jaroj ŝi promesis la manon al mi! — ekkriis Sro Melbourne.

Ili ĉiuj grupiĝis ĉirkaŭ ŝi. Unu kaptis ambaŭ ŝiajn manojn kun pasia ekpreno; alia ĵetis la brakon ĉirkaŭ ŝian talion; la tria metis la tutan manon inter la brilajn buklojn amasiĝintajn sub la kufo de la vidvino. Ruĝiĝante, spiregante, baraktante, riproĉante, ridante, ventumante laŭvice la vizaĝon ĉiu per sia varma spiro, ŝi penis sin liberigi, sed ŝi ankoraŭ restis en ilia triobla ĉirkaŭpreno. Neniam ekzistis pli vigla bildo de juneca rivaleco, kun sorĉa belo por premio. Tamen, per stranga trompiĝo, pro la mallumo de la ĉambro kaj la malnovegaj vestaĵoj, kiujn ili ankoraŭ portis, la alta spegulo, laŭ onidiro, reflektis la figurojn de tri maljunaj, grizaj, velkiĝintaj avoj ridinde baraktantaj por la malgrasa malbelo de ŝrumpinta avino.

Sed junaj ili estis. Ilia brulanta pasio tion pruvis. Ekscitite ĝis freneziĝo de la koketado de l' knabino-vidvino, kiu nek donis, nek tute detenis siajn favorojn, la tri rivaloj komencis interŝanĝi minacajn ekrigardojn.

Ankoraŭ tenante la belan premion, ili luktis furioze por ekpreni unu la alian ĉe la gorĝo. Dum ili baraktis tien kaj reen, la tablo renversiĝis, kaj la vazo frakasiĝis en mil pecojn. La valorega Akvo de Juneco fluis en brila rivereto laŭ la planko, kaj malsekigis la flugilojn de papilio, kiu, maljuniĝinte en la finiĝanta somero, jam malsuprenleviĝis tien por morti. La insekto flugetis malpeze tra la ĉambro kaj suriĝis sur la neĝblankan kapon de Dro. H.

— Jen, jen, sinjoroj! Jen, sinjorino Wycherley! — ekkriis la doktoro. — Vere mi devas protesti kontraŭ ĉi tiu tumulto.

Ili stariĝis senmovaj kaj tremis, ĉar ŝajnis, kvazaŭ griza tempo revokus ilin el ilia suna juneco malproksimen en la malvarman kaj malluman valon de maljuneco. Ili rigardis la maljunan doktoron, kiu sidis en sia skulptita brakseĝo, tenante la rozon de duonjarcento, kiun li savis el inter la pecoj de la frakasita vazo. Laŭ lia manmovo, la kvar tumultantoj residiĝis, tiom pli volonte, ĉar iliaj fortaj luktoj ilin jam lacigis, kvankam ili estis junaj.

— La kompatinda rozo de mia Sylvia! — eligis Dro. H., ĝin tenante kontraŭ la lumo de la sunsubiraj nuboj. — Ŝajnas, ke ĝi denove velkas.

Kaj tiel estis. Eĉ dum la ĉeestantaro ĝin rigardis, la floro daŭris velki, ĝis ĝi fariĝis tiel seka kaj rompebla kiel tiam, kiam la doktoro la unuan fojon ĝin ĵetis en la vazon. Li forskuis la malmultajn gutetojn de malsekaĵo, kiuj alkroĉiĝis al ĝiaj petaloj.

— Tian mi ĝin amas tiel bone kiel en ĝia rosa freŝeco, — li diris, premante la velkintan rozon al siaj velkintaj lipoj. Dum li parolis, la papilio flugetis malsupren de sur la neĝblanka kapo de la doktoro kaj falis sur la plankon. Denove liaj gastoj tremis. Stranga malvarmeco, ĉu de la korpo, ĉu de la spirito, ili ne povis diri, grade rampis super ili ĉiuj. Ili sin rigardis reciproke kaj imagis, ke ĉiu forfluganta momento forrabas unu ĉarmon, kaj lasas profundiĝan sulketon tie, kie antaŭe estis nenia. Ĉu tio estis iluzio? Ĉu la ŝanĝoj de unu vivo estis amasiĝintaj en tiom malgrandan tempospacon, kaj ĉu ili estis nun kvar maljunaj homoj, kiuj sidas kun sia maljuna amiko la doktoro?

— Ĉu tiom baldaŭ ni estas maljuniĝintaj? — ili ekkriis, malgaje.

Vere jes ja. La Akvo de Juneco posedis nur virton pli efemeran ol la virto de vino. La deliro, kiun ĝi kreis, jam forpasis. Per tremanta impulso, kiu montris, ke ŝi estas ankoraŭ virino, la vidvino interpremis siajn malgrasajn manojn antaŭ la vizaĝo kaj deziris, ke la ĉerka kovrilo jam estu super ŝi, ĉar ŝi ne plu povas esti bela.

El la angla: *G. Badash*

## *Estas kortuŝe . . .*

Estas iel kortuŝe aŭdi post longa soleco
Ree vortojn de l' amo, riĉajn je brila ornam'
Aŭdi, kaj senti, ke ili ne sonas pro deco;
Mem ŝiriĝas la flamo al jubila aklam'.

Estas kortuŝe-ekscite senti rigardon knabinan,
Kie brilas admiro, kie lamentas sopir'.
Eksoifas la kor' ĉirkaŭprenon senfinan,
Kisojn, kisojn sen spiro, ĝis ekmutas dezir'.

## *Al amikino iama*

Mi volus vian frunton dolorpalan
Karese tuŝi per mildmola man',
Petegi, preĝi: foru la malsan',
Ke ree floru ĝoj' sur via vojo,

Ke viaj larmoj, larmoj de doloro
Fariĝu ore glora diadem',
En kiu larmo ĉiu — brila gem',
Portanta iom da konsola ĝojo.

**N. Kurzens**

# PRINTEMPO FURIOZAS
## (OCUJA KOROŜI)
### — ĴUN'IĈIRO TANIZAKI —

PARTO I.

Estis ĉirkaŭ la kvara horo en la vesperfruo, ke fiŝisto de najbara strato, ruĝa de drinko kaj rapidanta, enkuregis en la lombardejon *Suruga-ja*. Li tintigis monon en la brustopoŝo, elprenis arĝentajn monerojn tute brilantajn kaj novajn, kiujn, laŭ lia klarigo, antaŭ nelonge li ricevis de oficiro loĝanta en la strato Ginza, kaj petis redoni la vestaĵojn, duonsurtuton, superveston kaj la ceterajn, lasitajn dum ne malpli ol tri monatoj en garantio. Post lia foriro, la komerca parto de Suruga-ja, kutime tre vivoplena, restis denove tute kvieta, sen eĉ unu plia vizitanto, kiu rompus la kvieton,... ĉu eble pro la malbona vetero de tiu vespero? Ŝinsuke, kiu, kun la vizaĝo inter la manoj, tuj malantaŭ la giĉeto, profundiĝis en la legado de verko de negrava aŭtoro, libro bindita per flava paperkovrilo, nun rememoris la malgrandan fajrujon sub sia nazo kaj, provante inciti la fajron jam preskaŭ estingiĝontan, murmuris al si, »Kia malvarma vetero!« Kaj poste, etendinte la manon al la metilernanto sidanta du aŭ tri futojn fore en dormeto malhelpata de neniu, li tiris lian orelon.

»Ŝoota, vekiĝu por momento. Mi domaĝas vin sendi eksteren en tia neĝpluvado, tamen volu kuri kiel bona knabo al la makaronivendejo sur Muramacuĉoo,* kaj diru tie, ke oni alportu por mi du tasegojn da varma kuirita makaronio kun fritita fiŝo, — kaj mendu ankaŭ por vi kion ajn vi ŝatas; jen estas kondiĉo.«

»Tre bone! Nun, vekiĝinte, mi sentas m'n iom malsata kaj malvarma. Do, antaŭ ol la Majstro revenos hejmen, volonte mi akceptos de vi regalon de varma bongustaĵo.«

La junulo sin movis, suprenfaldante la malsupran parton de la vesto kaj, preninte pluvĉapelon kun larĝa rando, pendantan apud la enirejo, vigle li elkuris en la fortan neĝadon.

Dume Ŝinsuke ordigis la aĵojn sur la kontortablo, ŝlosis la pordon de la tenejo, kaj fermis la ĉefenirejon sur la strato. »Malfrue ni revenos hejmen hodiaŭ nokte. Povas esti, ke ni eĉ devas resti ĝis la morgaŭa mateno: — zorgu bone, ke la pordoj estu ĉie ŝlositaj, kaj ĉio estu en ordo«: diris lia mastro fruvespere, antaŭ ol li foriris kun sia edzino por viziti parencon en Jocuja, ĵus falintan en funebron. Rememorante tiun ĉi ordonon, Ŝinsuke, kun lanterno en la mano, zorge ĉirkaŭrigardante, iris de la kuireja pordo al la malantaŭa enirejo, poste supren laŭ la ŝtuparo, kiu kondukis de la ĉambro de la servistinoj al la pordoj de la balkono konstruita sur la tegmento por tie sekigi lavaĵojn, kaj li ĉie certigis sin pri la rigliloj kaj fermiloj. Kiam li revenis malsupren laŭ la ŝtuparo, lia lanterno, ĵetante malfortan lumon elnaĝigis en la mallumo la vizaĝojn de du servistinoj dormantaj tre komforte sub pezaj litkovriloj.

»Otami-don,**) ĉu vi jam dormas?« Lia demando, malgraŭ la voĉo iom laŭta, ricevis nenian respondon. Do, evitante la piedbruon eĉ pli zorge, li ĉirkaŭiris sur la ligna planko de koridoro tre malvarma por liaj nudaj piedoj, por ekzameni la vicon da glitpaneloj de la verando aranĝita laŭ la interna ĝardeno.

La verando kondukis al unu el la luksaj ĉambroj de la domo, kie lanterno de litĉambro verŝis ruĝetan lumon sur la paperpordojn. La ĉambro estis kutime uzata de la gemastroj kiel ilia sidĉambro kaj tie kuŝis longforma fajrujo antaŭ la familia sanktejo, teŝranko kaj aliaj. Hodiaŭ vespere, Cuja, la juna filino, verŝajne okupis ĝin por si kaj tie nun ŝi dormas.

»Ha, kiel varme kaj komforte estos la ĉambro!« Kiam tia penso ekbrilis tra lia koro, subite ŝajnis al li, kvazaŭ li sin trovus vizaĝ-al-vizaĝe kun la mizeroj de si mem, kaj de la vivo almezurita al homo en servisteco; liaj okuloj, flamantaj de envio, daŭre restis sur la ruĝa lumo sur la papero.

Jam de plena jaro li amis ŝin. Ankaŭ ŝi siaparte delonge pensis, ke li estas ne malaminda. Tamen, eĉ se freneze ili amus sin reciproke, la unuunura filino de la mastro estis ekster lia ating-ebleco. Se li estus filo de riĉa familio, li povus havigi al si la belan Cuja, kiel sian propran. Estis lia kutimo tiel lamenti sian malfeliĉon de vivo.

Jam baldaŭ noktomezo. La malvarma aero senkompate trasorbis sian vojon en la domon. Starante sur la verando, Ŝinsuke tremis de la frosta vento enblovanta inter la glitpordoj. El la varma profundo de la brusto li eltiris la maldekstran manon por preni per ĝi la lanternon kaj por liberigi la manon dekstran, kiu nun frostis ĝis doloro, kaj sur kiun li daŭre blovis la varman spiron. Li sentis siajn femurojn tiel nudaj kaj malvarmaj ĉe ilia tuŝo unu kontraŭ la alia, kvazaŭ ili ne estus liaj propraj. Lia tremo, tamen, povis esti ne nur pro la malvarmego.

»Ĉu estas vi, Ŝin-don?« salutis Cuja, ĝuste kiam li preterpasis la litĉambron. Ĉu ŝi vekiĝis ĝuste tiam, aŭ maldormadis de antaŭe? Tiam ŝi ŝajne malfermis la ŝirmilon super la rondforma lanterno por turni ĝin al la verando, ĉar ekstere la lumo sur la papero fariĝis pli hela.

»Jes, estas mi, fraŭlino. La mastro malfruas, kaj mi pensis, ke mi devas iri por certiĝi pri la pordoj.«

»Ĉu vi do jam enlitiĝos?«

»Ne, mi maldormos la tutan nokton ĝis la mastro revenos hejmen.«

Kiam li parolis tiel, li surgenuiĝis ekster la ĉambro, metante la manojn surplanken, kaj korekte ordigante sin en teniĝon de respekto deca al la filino de la familio. Preskaŭ en la sama momento la pordo malfermiĝis ĉirkaŭ unu futon larĝe.

»Estas malvarme ekstere; eniru kaj fermu la pordon.« Kombante malantaŭen la vagantajn harojn, ŝi sidis meze de la silka kuseno, kaj per la okuloj kun longaj okulharoj ŝi fikse rigardis en plena adoro lian vizaĝon tre blankan kaj belan eĉ en la lanternolumo.

»Ĉiuj aliaj jam enlitiĝis, mi supozas?«

*) »ĉoo«, ĝenerale tradukata kiel »strato«, estas uzata por nomi apartan lokon de urbo, kune kun strata linio kaj ofte ĝia najbarajo.

**) »Otami-don« estas unu el familiaraj manieroj de homvoko. »O«, unu el la honorigaj erminoj, portas ofte karesan tonon; »don«, metita post la nomo, estas uzata ĝenerale inter homoj de laborantaj aŭ servantaj klasoj por saluti inter si.

# Feliks Zamenhof mortis

— I. Lejzerowicz —



Denove la neevitebla sorto trafis unu el niaj unuaj pioniroj, meritoplenan veteranon, kiu ankoraŭ en la tagiĝo de nia afero etendis al la Majstro sian servopretan manon por helpi je la disvastigado de ties granda misio. Foriris brava batalinto el tiu malnova gvardio, kiu el la epizodoj de kroniko kreis la historion de nia afero kaj kiun siavice nia historio eternigas. Modesta en sia abunda laborado — vera frato de la Majstro! — li ne ĉasis la honoron de »eminentuloj« kaj imitinde restis vigla sur sia posteno ĝis la lasta vivospiro.

Modeste kaj senbrue li partoprenis en la Esperantoagado. Lia aktiveco brilis en pluraj fakoj: ĝenerala, blindula, literatura k. a. Ĉie li diligente oferis sian brikon. Kaj li malamis la popularecon, kvazaŭ li ne volus ke malicaj langoj atribuu ĝin al la grandeco de lia frato.

Por ni, pli junaj kunbatalantoj, li estis ĉiam sincera instruanto kaj konsilanto. En la lastaj jaroj, kiam ni, la dua esperantista generacio, ekribelis kontraŭ la malnoviĝintaj metodoj de laboro kaj manifestis ĉie en Esperantujo niajn radikalajn dezirojn, Feliks Zamenhof estis unu el la malmultaj veteranoj, kiu komprenis nin, la pli junajn. Liaj konsiloj kaj opinioj estis ĉiam valora instruo kaj averto por nia anaro.

Lastfoje mi vidis lin en novembro de la pasinta jaro dum la Tutpola Kongreso en Lublin. Per sia nobla sintenado, per sia praktika konsiderado al la diversaj problemoj de nia afero li vekis en ni ĉiuj sinceran ŝaton kaj profundan respekton al lia persono. Kaj mi neniam cetere povis deteni min de la impreso, ke FEZ (tio estis lia pseŭdonimo) verdire konservas la noblan tradicion postlasitan de lia pliaĝa frato, kies multajn karaktertrajtojn — ĉu laŭ la leĝo de familia heredeco? — ankaŭ li, Felikso, posedis.

Vira, vere vira sintenado ne permesas plori en momentoj de funebro. Kaj tamen mi ploras. Ne pro tio, ke estingiĝis unu plia lumturo de nia afero; estas ja banala seriozajo, ke tiu-ĉi sorto estas evitebla de neniu sed pro tio, ke ne aperas nova lumo sur tiu loko, pro tio ke per sia foriro Felikso Zamenhof orfigis sian pozicion en nia movado. Tio vere ne pruvas la malfortecon aŭ malgrandecon de nia afero, sed pliĝuste la neanstataŭeblecon de l' mortinto.

Kaj tial la laboro, kiun li faris dum sia vivo, la idealismo, per kiu li inspiris tiun laboron, restas por ni, kiuj konis kaj amis lin, kiel relikvajo. Kaj super la freŝa tombo de Felikso Zamenhof ni solene akceptas la valoran heredajon: lian laborcelon kaj lian idealismon.

---

»Ne, fraŭlino. Jam baldaŭ Ŝoota revenos de komisio. Tuj kiam li revenos, mi sendos lin en la liton, ĝis tiam do atendu...«

»Ho, pacienco kaj ankoraŭ pacienco, ĝis mi elĉerpiĝos!... Kiel ni povos trovi pli bonan okazon ol la nunan! Nu, aŭskultu, Ŝin-don, vi jam decidis por la hodiaŭa nokto, mi kredas.«

Cuja, vestita nur per delikata subrobo el brilruĝa krepo kolorpunktita, sidis senatente pri siaj blankaj piedoj, elrigardantaj en delikata aranĝo el sub la kuseno, kaj kunmetis la manplatojn kiel en preĝo.

»Kion tio signifas, fraŭlino?«

Venkite de la forto de la beleco, — beleco, kiu ŝajnis jam nun forviŝi lian animon, li levis la ĉarme malfermitajn okulojn, iom tro infanajn kaj naivajn por lia aĝo de dudek jaroj, kaj atendis la respondon, kiun aŭdi li tre timis.

»Forkuru kun mi al Hukagaŭa hodiaŭ nokte. Jen estas ĉio, kion mi volas diri. Vidu, kiel mi petas vin!«

»Neeble!« li diris; sed vere li turmentis sin savi de tio, kio ŝajnis tenti lin per mistera forto de volupta ravo. De kiam li venis tien ĉi por servi, kiel ankoraŭ knabo de dek-kvin jaroj, li laboris tiel bone, ke lia mastro konfidis al li senlime. Ankoraŭ unu aŭ du jaroj da pacienco kaj laboro!... kaj la mastro starigos lin en komerco kaj, eĉ se li ne povus havi la feliĉon edziĝi kun la amata Cuja, li povos trovi ĉiam rimedon al bonŝanco kaj bonfamo dezirataj. Kiel feliĉaj estos tiam liaj maljunaj gepatroj vivantaj nur en la espero de tia tempo! La penso forkuri kun knabino ankoraŭ tro juna, kun la filino de sia mastro, estas absurda; li ne povas — li ne povas fari tion! ripete li diris en sia koro.

»Do, Ŝin-don, ĉu vi jam forgesis, kion vi promesis al mi antaŭ nelonge? Jes, mi nun vidas ĉion. Mi estas nur via ludilo. Kaj kiam vi amuzos vin sufiĉe, vi forĵetos min fine. Jen estas via plano!«

»Tiel ne estas, tiel ne...«

Li estis etendonta konsolajn manojn al Cuja, kiu plorsingultis kun subpremata duonvoĉo, kiam aŭdiĝis laŭta kaj persista frapo sur la fronta pordo. Surprizite de la sinanonco de la knabo, Ŝinsuke rapide ekstaris kun la lanterno en la mano — bildo de konsterno.

»Poste mi certe revenos, kiam Ŝoota enlitiĝos, kaj ni parolu plu pri tio. Se vi decidis tiel firme kiel vi diras, mi pripensos ankoraŭfoje kaj...«

Estis post kelkaj momentoj da plaĉa peno, ke li povis sin apartigi de la alkroĉiĝantaj manoj de Cuja. Reveninte al la fronta parto de la domo, nun plene kvieta, li rapide malfermis la malgrandan glitpordeton.

»Ho, mi frostiĝis!« kriis la knabo, kiam li enkuregis kvazaŭ ruliĝante. »Komencis neĝi, Ŝin-don,« li raportis froskuante la neĝon de sur la larĝa ĉapelo. »Ŝajnas, ke ĝi certe kuŝos alte hodiaŭ nokte.«

*

Estis ĉirkaŭ unu horon poste, ke la juna metilernanto, manĝinta la makaronion, rampis en la liton kaj endormiĝis. Ŝajne la vento ĉesis blovi, sed la neĝo daŭris faladi, ĉar morta silento regis ekstere sur la strato, kie ĉiuj vivuloj nun profundiĝis en dormado. Ŝinsuke alportis pecojn da karbo el la plankokamereto de la kuirejo. Metinte ilin sur la fajron en sia fajrujo, li ekkaŭris, ĉar li nenion sciis fari pli bonan — senespera, soleca figuro en angulo de la butiko. Eĉ kiam li restis tiamaniere, liaj pensoj vagis al la interna ĉambro, kie la filino nun certe lin atendis, eĉ ne pensante pri dormo. Kun tiuj pensoj, kurantaj tra la koro, li sentis sin sieĝata de la forto de sia sorto — sorto, kiu ŝajnis veni al li en ĉiu sekundo, por nun

## *Kial ofte, knabineto . . .*

— *Fez* —

Kial ofte, knabineto,
El sub via palpebreto
Larmo falas en sekreto:
Signo de ĉagren'?

Vi ja havas floran vojon
Kaj jun-koran vivo-ĝojon.
Oni vivas unu fojon,
Vivu do sen ĝen'!

Se pro knabo ploras koro,
Ĝi sekiĝos pro la ploro.
Laŭ ordono de Amoro
Venos ja du, tri.

— Ne pro perdo de l' junulo
Verŝas larmojn la okulo . . .
En animo mia — brulo.
Ho, malĝojas mi:

Ĉar forlasis min espero,
Kaj la fid' al vira vero,
Ho, de l' kredo eĉ fajrero
Ne briletas jam.

False fluas vivo-ondo,
Falsa — proksimula rondo,
Falsa, falsa — tuta mondo,
Falsa estas am'!

## *Kiam mi estis malsana . . .*

— *Fez* —

Kiam mi estis malsana,
Vi zorge flegis min,
Kaj mi forgesis dolorojn,
Kaj vide ĝuegis vin.

Kaj ofte mi eĉ alvokis
Dolorojn de l' malsan',
Por ĝui sur mia frunto
Kareson de via man'.

Malsano mia forpasis,
Kun la malsano — vi.
Forpasis tagoj de ĝojo,
Tagoj de iluzi'.

Nun ree sana, sopire
Demandas mi, sen sci':
Kio pli kara estas,
Ĉu mia san', aŭ vi?

---

decidi la vojon de lia tuta vivo. Se nur revenos lia mastro, tiu ĉi terura tento forpasos jam; momente li pensis tiamaniere.

Aŭdiĝis interne neklara bruo de glitantaj ekranoj, sekvataj de piedbruo ŝajne ŝteliranta sur la verando. Ŝinsuke salte sin eklevis kaj ŝteliris al la ĉambro, kie li lasis la filinon. Li faris tion pro timo, ke ŝi, kolerema, ja povus fari scenon, kiun li devis eviti ĉiamaniere. La du renkontis unu la alian ĉe angulo de la koridoro.

»Ĉu vi estas preta, Ŝin-don? Mi kunportis monon sufiĉan por ni dum kelka tempo. Konservu la monujon kun la tuta enhavo.«

Cuja metis siajn manojn en la manikojn, kaj ŝveligante la nigran atlasan garnaĵon sur la brusto, eltiris el la sino monujon el flava tolo, kiun preskaŭ puŝe ŝi enŝovis en lian manon. Ĝia pezo ne povis esti malpli ol dek grandaj orpecoj.*

»Forporti ne nur vin, sed eĉ monon de la mastro! Dia puno batos min peze!« Lia protesto, tamen, ne daŭris plue; li cedis facile al ŝia volo.

»Sed ŝajne neĝas malfeliĉe. ... Mi ne zorgas pri mi mem, sed vi mortus pro frosto, se vi irus al Hukagaŭa en tia terura vetero. Do, Cunjo, kial kuraĝi en tia nokto? Ankoraŭ ni havos pli bonan okazon.«

Parolante pri Hukagaŭa, ili pensis pri la hejmo de boatisto loĝanta en parto de Hukagaŭa nomata Takabaŝi. Seiĵi, la boatisto estis patronata de la familio Suruga-ja jam de longaj dek jaroj. Ĉe konkokolekta ekskurseto al la bar-sablaĵoj ĉirkaŭ la fortikaĵoj de Ŝinagaŭa kaj ĉe la ĉiujara somerfesto sur rivero en Rjoogoku, li konatigis sin kun Cuja kaj Ŝinsuke. Krom la vizito, kiun li faris okaze de la »Bon«-libertagoj*) kaj antaŭ la Novjaro, li ofte vizitis la familion por montri sian respekton al ili. Estis lia kutimo sidiĝi, en tia okazo, en kuireja angulo por akcepti regalon per vino, kaj admiri la belan filinon de la domo.

»Parolante pri nia Cunjo, mi neniam vidis al ŝi superan en beleco«, li kutimis komenci petole. »Egale al mi, kion ajn oni diros; ja troviĝas neniu en tiu ĉi urbego, komparebla al tiu ĉi beleco. Pardonu mian parolon: se ŝi estus gejŝo, neniel mi detenus min de ŝi, ĉar ankoraŭ restas por mi sufiĉe longa tempo ĝis la aĝo de kvindek jaroj.« Kaj foje li firme kaptis la manikon de Cuja, dirante: »Estu bona, Cunjo, kaj plenumu la deziron de mia vivo, — feliĉigu min per glaso el via propra mano. Mi ne deziras multe — nur per unu glaso, kaj neniom plu . . .«

Tio ridigis la homojn de la familio.

Seiĵi, la boatejestro — negocanta en rivertrafiko, gvidis barketon por porti gastojn, irantajn kaj venantajn de Janagibaŝi, Hukagaŭa, Sanja, Joŝiŭara: gajkvartaloj kolektiĝintaj laŭ kaj apud la ununura akvovojo de la urbo, — kaj vivis preskaŭ ĉe la limo de la mondo, kie fluas la vino kaj oni ne timas paroli

*) Ekscii la valoron de orpecoj estas malfacile, ĉar oni trovas multe da ili fabrikitaj en diversaj epokoj, kaj iliaj kvalitoj estas diversgradaj. Tamen, unu »rjoo«, la nomo donita al granda orpeco, estas preskaŭ ekvivalenta al cent jenoj laŭ la hodiaŭa monkurzo kaj ĝia aĉetpovo aŭ almenaŭ proksimuma.

*) Per »Bon« libertagoj, en la mezo de la sepa monato, estas honorata la reveno de la mortintaj spiritoj al sia antaŭa surtera restadejo. Ili postrestis ĝis hodiaŭ, ne pro la ĝenerala religia fervoro, sed prefere nur kiel konvena tempo por marki la unuan duonon de la jaro. Estas en tiu tempo kaj ankaŭ tuj antaŭ aŭ dum la Novjaraj libertagoj, ke oni interŝanĝas donacon kiel salution de la sezono. Tiu, kiu ricevis viziton en tiu tempo de homo malplialta, ĝenerale respondas al ĝi per deca donaco.

# Emile Grosjean-Maupin †



La senindulga tempo ree forportis el nia rondo eminentan personon, kies nomo tiel forte apartenis al nia movado, ke apenaŭ ni povas imagi, kiel ni elportos la grandan plagon. La karmemora mortinto plenumis tiel gravan taskon, kun tia kompetento, diligento kaj erudicio, ke ni staras senkonsile, ne sciante kiel lin anstataŭigi. Lia klara spirito, libera de ĉiu antaŭjuĝo, havanta vastan komprenon pri la bezonoj de la lingvo kaj samtempe bonvenan sed ne malvastanime troigitan konservismon, estis vere malofta fenomeno. Ĉi tiu spirito lin igis perfekta Direktoro de l' Vortara Sekcio. La orfiĝinta posteno nun atendas novan plenumanton, sed kiu ja povos ĝin plenumi inde al tiuj altaj konceptoj kaj klarvida objektiveco, kun kiuj ĝin plenumis Grosjean-Maupin? Ĉiu funebro estas egoisma; ni propre havas doloron pri ni mem, pri nia propra perdo. Ju pli granda estas la perdo, des pli tranĉa estas la doloro de nia bedaŭro. La perdo pro la morto de Grosjean-Maupin estas nemezureble granda.

Emile Grosjean-Maupin naskiĝis en 1863. en Nancy. Li, licea profesoro, estis emerita direktoro de la ŝtata altlernejo por geblinduloj en Parizo. Esperantistiĝinte en 1906, li okupiĝis preskaŭ ekskluzive pri lingvaj demandoj. Tre multajn recenzojn kaj prilingvajn artikolojn li verkis en multaj gravaj gazetoj. Li estis kunlaboranto de nia revuo, niaj legantoj certe bone memoras pri liaj altkonceptaj vidpunktoj, klare vidiga pritraktmaniero, klasike pura stilo. Sed lia ĉefa ago-sfero estis la E-a vortaro: laboro postulanta sindonon kaj grandan tempo-malŝparon kaj ne donanta laŭtajn aklamojn kaj malkaran popularecon, sed havanta nemezureblan gravecon por la lingvo. Li estis nia plej granda leksikologo.

Liaj precipaj verkoj estas la tre kompletaj kaj detalaj vortaroj E-franca kaj Franca-E., kies pluraj eldonoj jam aperis, kaj la Plena Vortaro de E., kies li estis ĉefa aŭtoro kaj direktanto. Per la lasta verko li faris decidan paŝon al la ellaboro de l' Plena Vortarego, kiun Zamenhof prirevis. La vortaro fariĝis preskaŭ oficiala; ĝi estas la ĉefa vortofonto de niaj verkistoj kaj havas vere leĝdonan signifon, donante tiun komunan bazon, pri kiu oni ne diskutas plu.

En la unua eldono de sia E-franca vortaro li montris iom reformeman spiriton, ŝanĝante la aspekton de kelkaj fundamentaj vortoj (alumeto-alumedo ktp.), krome enkondukante grandan nombron da novaj vortoj. Li estis akre atakata pro tio kaj ankaŭ li mem baldaŭ rekonis, ke la lingvo ne estas plu ŝanĝebla: en la dua eldono li eliminis la reformojn kaj ankaŭ grandan parton de l' neologismoj. Li rekonis, ke tiutempe la literaturo de E. estis tro malriĉa por tia lingva riĉo kaj ke novaj vortoj devas esti kreataj ne apriorie de vortaristo, sed praktike, iom post iom, de verkistoj. Sed por ĉi lastaj, tiu vortaro estas bonega fonto; granda parto de liaj tiamaj proponoj iom post iom sorbiĝas en la poezian lingvon, multaj iĝis oficialaj.

Li estis la unua, kiu klare rekonis, ke la poezio estas nobla lukso, ĝi estas bela malŝparo, do en ĝi ne povas validiĝi tiu intenca simplo, kiu estas avantaĝo por la lingvo vulgara. Tial li ĝoje salutis la proponon pri la apartigo de l' poezia vort-trezoro, en kiu li vidis eblon por la senbalastigo de la vulgara, oficiala vortprovizo. Tion li klare esprimis en la noto de sia artikolo skribita pri la neologismoj (L. M. 1933. 1. pĝ.)

En la epilogo de sia libro »Vortoj de Prof. Cart«, nelonge antaŭ sia morto, Cart skribis:« En tiu ĉi kvazaŭtestamento mi deziras enskribi ankaŭ la nomon de mia kolego prof. Grosjean-Maupin, kiu de la komenco de mia prezidanteco pli ol iu ajn faciligis mian Akademian agadon«. La rekono, kiun la karmemora mortinto havis same en la konservismaj kiel en la evoluigemaj partioj de l movado, klare montras lian grandan kapablon, lian nivelantan, interpacigan, ekvilibran talenton. Nun tiu ĉi talento ĉesis nin servi, subteni, direkti. Post li restis oscedanta malpleno. Kaj mi, kiu neniam havis la honoron, interrilati kun li persone, kiu lin konis nur el liaj verkoj, sentas tiel doloran korpremiĝon, kvazaŭ mi estus perdinta plej proksiman parencon. *(y)*

---

pri pekoj; li estis homo sufiĉe komprenema, kaj ŝajne sciis jam de antaŭe pri la amo sekrete kreskanta inter Cuja kaj Ŝinsuke. Tamen, li neniam elbuŝigis eĉ unu vorton pri tio. Ĉiuokaze, se li tion efektive sciis, lia silento estis nekutima, ĉar li estis tre babilema. Ke li eldiris tion por la unua fojo, tio okazis ĉirkaŭ la fino de la lasta monato, kiam li okaze faris kutiman viziton revenvoje de Janagibaŝi. En tiu tago la familio planis viziton al teatro, sed Cuja restis hejme pretekstante malsanon; ĉar ŝanco esti sole kun Ŝinsuke estis por ŝi la plej karega. Por ne malesperigi la tutan familion nur pro ŝi sola, ŝiaj gepatroj prenis du servistinojn kaj iris al la teatro frumatene.* La butiko estis lasita al la zorgado de la malgranda Ŝoota sola, dum Ŝinsuke pasigis la plejparton de sia tempo apud la lito de Cuja por flegi ŝin false malsanan. Estis ĝuste tiam, ke la boatisto Seiji envenis kun vizaĝo brilruĝa kaj gaja kiel kutime pro drinko. Li afekte ridetis per petolema voĉeto kaj rekte iris por frapi la junulon ĉe la ŝultro.

»Ŝin-don, mi deziras al vi bonŝancon kaj plezuron! Vi pensas, ke mi scias nenion pri vi, ĉu ne? Jam pasis longa tempo, kredu min, de kiam mi rimarkis ĉi tion. Homoj estas blindaj, sed superruzi min estas tro malfacile. Mi ne diras, ke mi diros tion al la mastro. Do konfesu al mi la tuton. Kaj mi iam povos helpi vin iamaniere. Estas ja nature, ke la afero venas al ĉi tio, kiam la bela juna Cunjo vivas en la sama domo kune kun vi: same bela kiel tiuj, kiujn oni vidas nur sursceneje. Kaj mi, — strange, — se mi vidas junan paron, kiel vi, tre suferi pro malfacilaĵoj arde amante unu la alian, mi volas fari ion nur por helpi ilin, — kaj ial, — mi ne zorgas, kiel multe tio min ĝenas, ĝis fine mi povos vidi ilin kune feliĉaj.«

Surprizite de la neatenditaj vortoj, la juna paro sentis froston sur la dorso kaj senhelpe rigardis por

*) En malnova tempo la teatro ĝenerale malfermiĝis ĉirkaŭ la deka horo matene, kaj daŭris proksimume ĝis la naŭa vespere. Unuflanke pro la distanco por piediri, kaj samtempe pro la frua prezento, la teatroamantoj devis forlasi la hejmon frue kaj foruzi plenan tagon kaj vesperon.

## Ĉinaj poemoj

– Tradukis: Saint Jules Zee –

### Lamento pri l' kabano detruita de l' aŭtuna Vento

*Tu Fu*

Septembra vento muĝas furioze, kaj forĉasas
Pajltegon tritavolan de sur la kaban' pretere.
La pajl' transflugas fluon kaj sin disjetita lasas:
Jen surkroĉiĝas al arbsupro alta mallibere,
Jen kirle-flirte falas en ŝlimmarĉon ĉe-rivere.

La knaboj de la sudvilaĝ', ho aroguloj! en la plena tago
Rabiste agas, mian maljunecon primokante,
Enkuras bambuaron, pajlo sub la brako!
Kun lang' kaj lipoj sekaj, vane alvokante,
Suspiras mi rezigne sur baston' min apogante.

La vento mutos baldaŭ kaj inknigros nubtavolo,
Ĉielon nebulgrizan surprizkaptas jam vesper',
Mia multjara litkovril' glacias kvazaŭ fer',
Pro l' buba piedbat' ŝiriĝis ĝia suba tolo.

La pluv' senĉese falas kvazaŭ stangoj de lupolo,
Tegmenton trapenetras ĉe l' litkap' — sen seka ter'.
Malmulte mi jam dormis pro la migrada sufer',
Sur la malsekaĵo kiel ja ripozi ĝis aŭroro?

Se dekmilĉambra palacego ie estus nur,
Sub kies ŝirm' la malriĉuloj de l' tutmondo vivas korkontente,
Kaj spite ŝtorm' ĝi starus montsimile en sekur'.
Ho! kiam antaŭ mia okulpar' leviĝos ĉi domego monumente,
La domrompiĝon propran kaj malvarmon mi suferos sealamente!

### „Cervejo"

*Uan Vi*

Sur mont' silenta homoj ne troviĝas,
Aŭdiĝas nur parolo en krepusk';
Arbaron trapenetras sunrebrilo
Kaj tie kuŝas ĝi sur verda musk'.

### La lasta nokto de l' jaro

*Kaŭ Ŝih (?—765)*

Ĉe lamp' sidante, mi sendormas en hotelo,
Jen nekonata sent' pezigas koron mian.
Ho! Transe mia hejmolando, je milmejlo;
Kaj morgaŭ neĝa har' indikos jaron plian!

### Kanto

*Liŭ Ju Sih*

Printempa fluo frapas kontraŭ l' montpiedo,
Kaj supre pompas ĉiu ruĝa persikflor':
La floroj baldaŭ velkos, kiel via amo,
Fluo senfinas, kiel mia kordolor'!

kelka tempo la vizaĝon unu de la alia. Seiĵi tamen portis mienon ĉiokomprenan kaj fariĝis tre parolema, kvazaŭ li konus la lastan solvon.

»Tiuj, kiuj intencas ami, ne devas esti tiel malkuraĝaj. Malkaŝu al mi ĉion, kaj kial ne? Ne estas prudente konservi tian aferon nur en via juna koro kaj suferi. Plej bona estus la plej mallonga vojo, ke mi venu al la mastro kun la tuta afero kaj petu lian konsenton por via geedziĝo. Mi ne flatas, sed Ŝin-don estas homo sufiĉe bona, interalie, pro la beleco, korpureco kaj saĝeco. Mi ja devus miri, se la mastro ne volus konsenti.«

»Se tio estus ebla, ni jam petus lin senpere, ne vin ĝenante tiamaniere.«

Flatlogite la juna Ŝinsuke donis al li, malgraŭvole, la tutan detalon de la situacio, en kiu ili estis. Ĉuja estis ununura heredontino de la familio kaj li estis la solinfano de siaj gepatroj; ĉiu devis resti en sia familio. Kiel ajn longe ili pensis, estis nenia rimedo ebligi al ili la geedziĝon.*

»Mi mortigos min, se ni ne povos geedziĝi!«

Ĉuja falis survizaĝen aŭdinte la malĝojan parolon de sia amato; ŝi ploris kiel tiu, kiu ne povas plu venki la leviĝantan emocion.

»Trankviliĝu, fraŭlino, trankviliĝu«, konsolis la boatisto. »Nun mi scias, kion fari. Aŭskultu min. Forkuru ambaŭ de ĉi tie kaj venu al mia domo. Tio estas la sola rimedo por faciligi la aferon. Kaj mi scias, kion mi diris. Vi povas lasi la reston al mi. Mi petos intervjuon de viaj ambaŭ patroj por konvinki ilin, kaj akiros ilian konsenton!«

Fakte, ĝuste en la sama vespero, la junaj geamantoj jam parolis pri forkuro. Do, la sugesto de Seiĵi jam tiam pretigis al ŝi la decidon. Ŝinsuke, tamen, ne povis decidi sian vojon ĝis hodiaŭ, kaj eĉ ĝis tiu ĉi momento.

»Ĉu vi retiriĝas nun?«

Parolante ŝi kaptis la manojn de la viro, ankoraŭ enpensiĝanta kun plektitaj brakoj kaj mallevita kapo. Kun formo fleksita, kiel bambubranĉo sub peza ŝarĝo, ŝi apogis sin kontraŭ li. Ŝi minacis, skuis kaj balancis lin dirante: »Mi mortos... mi mortigos min, se vi ne konsentos.«

»Mi cedos! Nenio helpas jam! Ni lasu ĉion iri laŭ sia vojo, ĉar mi iros do kun vi, kiel vi diras.«

Ŝinsuke rapide revenis al la butiko, kaj eltiris sian salikan keston el la fundo de kamero. Li elprenis el ĝi pezan katunan veston kaj anstataŭigis per ĝi la veston ĝis nun portitan. Ĝi estis vesto rekudrita el malnova vesto de lia patro, kaj estis la ununura vesto ne donita de la mastro al li dum la jaroj de servado. Li pensis, ke li ne devas forporti iun ajn alian veston sendanke al la mastro. Poste, irante al la kesto apud la kuireja pordo, li senbrue elprenis paron da lakitaj pluv-getaoj,** kiujn li firme ĉirkaŭprenis sub sia brako, kvazaŭ trezorojn, revenante al la verando.

La aspekto de la knabino tie staranta! Li miregis

*) En la tempo, kiam la kontinuecon de l' familia linio oni rigardis grava, neniuj gepatroj volis konsenti al siaj heredontoj ke ili geedziĝu ekster la familio. La plej aĝa filo heredis la familian nomon kaj bienon. Kiam okaze filino estis ununura heredontino, oni elektis viron, kiu edziĝos kun ŝi kaj heredos la familian nomon, por ke la linio ne estu interrompata pro la manko de filo.

**) Japanaj karakterizaj lignaj piedvestaĵoj uzataj kiel ŝuoj en aliaj landoj.

# *El la fantaziaĵoj por la estonteco*

— *Leono Zamenhof* —

Venis la jaro 19??. La mondo kun fulmotondra rapideco fine atingis la pinton de siaj revoj. Ĝi kolektis neelĉerpeblan provizon da riĉaĵoj kaj tiel perfektigis la teknikan arton, ke ĉe eteta fortostreĉo ĝi povis atingi plej grandan produktkapablon.

La homaro povis fine ekspiri pli libere kaj eliĝi el sub la jugo de eterna laboro. Sed, kio logike ŝajnis esti feliĉo, montriĝis en la praktiko malbono. La eblo liniĝi la laboron kaŭzis neantaŭviditan katastrofon de senlaboreco, kiu homencis rapide ĉirkaŭi la tutan mondon kaj per terura malsatfantomo ĉiam pli kaj pli kolpremi la suferantan homaron.

La kvanto de kolektitaj riĉaĵoj estis tiel granda, ke mankis jam loko sur la tero por novaj produktaĵoj. La homaro estis devigita ilin detruadi. Ŝajne venis momento de krizo en la krizo. Al la senlaboruloj ekridetis espero ricevi ree laboron. Sed ve, la manko de mono malebligis la pagon por tiu ĉi laboro kaj la malfeliĉa homaro perdis sian lastan esperon de savo. La mondo pereis pro sia malforteco kaj senkonsileco. Oni komencis en terura paniko serĉi eliron. La registaroj, unuaj, zorgante pri la bono de siaj regnanoj, donis ekzeplon de modereco, konvinkante siajn oficistojn, ke ne sole pano nutras la homojn . . . . La scienculoj vete elpensadis kaŭzojn kaj rimedojn kontraŭ la krizo. Ili konstruis milojn da teorioj pri troa produkteco, malgrandigita konsumado, tro granda homamaso sur la tero ktp. La teologistoj vidis en ĉio dian punon pro la liberpensemo. Oni komencis instigi al fastoj. La poetoj propagandis revenon al la primitivaj formoj de l' vivo. Unuvorte, la teorioj naskiĝis kun rapideco de bakterioj kaj eble pro tio la eliro el la situacio fariĝis ĉiam pli malfacila. Triumfis nur malsaĝuloj. Ĉar ili konvinkiĝis, ke ili tute ne estas pli malsaĝaj ol la famaj scienculoj.

La malfeliĉa homaro instinkte serĉis savon el sub la sufokanta banto. Milionoj da homoj pro malespero volonte oferadis sin por plej danĝeraj ekspedicioj eĉ en la stratosferon . . . Fine ekbrilis al la suferanta homaro stelo de vera savo.

Profitante la okazon, kiam la planedo Marso alproksimiĝis al la tero, miloj da raketoj, kiel akridaro, ekflugis ĝin renkonte. Fine unu el ili sukcesis atingi la longe revatan celon.

La malnova mondo ektriumfis. Novaj perspektivoj! Novaj akiroj! Fino de la krizo!

La Marso tute ne praviĝis la opiniojn pri ĝi naskitajn en la fantazio de niaj scienculoj kaj poetoj. Ĝi tute ne prezentiĝis kiel Marso — militheroa, sed kontraŭe montriĝis ege pacema kaj eĉ naiva . . . Lando sen registaro, ne konanta proprajrajtojn, pasiganta la tempon en dolĉa senlaborado, ne zorganta pri la estonteco kaj tute ne posedanta rezervprovizojn! Ĉu oni povis revi pri pli ideala kampo de ekspansio? Kaj centoj da urĝaj radiogramoj ekflugis sur la teron kun postulo pri tutaj ekspedoj sur la Marson.

Kaj dume, ĉe koraj festenoj aranĝitaj de la marsanoj por la gastoj, niaj pioniroj en mielplenaj oracioj eligis el si ĉion, kion la teranoj tiel ofte uzas en siaj oficialaj festenparoladoj. Kion ili ne ektuŝis! Pri la tutmonda reciproka amo, pri la komuna ligo de planedoj, pri eterna paco kaj multaj aliaj kortuŝaj idealoj . . .

La marsanoj, ne kutimiĝintaj al tiaj frazoplenaj oracioj, aŭskultis kun miro la pompajn paroladojn de la teranoj, kiuj sub la influo de troe englutitaj nektaroj perfidis siajn ĉefajn pensojn — la esperon plenigi la Marson per siaj senlaboruloj kaj grandegaj provizoj. La mastroj admire aŭskultis tiujn ĉi konfesojn. Ili ne povis kompreni, kial en la lando, abundanta je ĉiuj riĉaĵoj, la regnanoj pereas pro malsato kaj mizero. Ili enoreligis kun ega miro la sciencajn re-

---

pensante, ke ŝi intencas eliri en tia frostmalvarmo, en tia vestiĝo: ŝia hararo nuda en freŝe farita hararanĝo, — silka vesto kolora de brila oro kaj nigro, — peza larĝa zono el brodita atlaso tuj sub la brusto, — kaj nenio kovranta ŝiajn piedojn. Ŝi, kutime tre ŝatanta, pro virina instinkto, la frapantan manieron de gejŝo, volis montri sian guston eĉ antaŭ tia aventuro.

»Nu, tie ĉi estas elirejo,« diris Ŝinsuke, kiam li desaltis en la ĝardenon, puŝmalfermante la pordon je du aŭ tri futoj ĉe la fino de la verando. La neĝo, daŭre falanta senbrue, jam kuŝis alta je kelkaj coloj. La palisaro, arbetaro kaj tabulitaj muroj ĉirkaŭ la verandangulo, ĉiuj estis kovritaj de alabastra mantelo. Li palpe serĉis la piedojn de la knabino, sidanta ĉe la rando de la verando. En la malforta duonlumeto de la neĝo, li zorgis por meti la molajn, sed glacimalvarmajn plandojn de ŝiaj piedoj sur la getaojn. Kaj ilia koro tremis eĉ pro la susuro sonanta ĉe ĉiu paŝo, kiam la piedoj profundiĝis en la neĝon. Fine ili venis ĝis la pordeto sur la malantaŭa ĉirkaŭmuro. Tra la pordeto kaj trans la paŝtabulo super la kloako, evitante ĉiun bruon, ili sin elŝtelis sur la liberan straton.

La ĉielo estis nigra, sed la neĝo, iom malfortiĝinta, flirte faladis en grandaj flokoj. Estis pli varme ol ili pensis. Sub ombrelo etendita super ili, la knabino prenis la tenilon kaj la mano de la junulo tenis la samon sur ŝia mano. De Taĉibana-ĉoo, ili direktis sin al Hama-ĉoo.

Malgraŭ la delikata eksteraĵo, Ŝinsuke estis fortika, ĉar li estis junulo de alta kresko, muskola kun korpa forto kompare supera. Kiam forta emocio atakis liajn nervojn, li ofte kunpremegis sian ĉirkaŭprenantan manon per tiel konvulsia forto, ke Cuja sentis sian dekstran manon, tiel etan kaj malfortan kaj nun duone glaciiĝintan, kvazaŭ dispremata. Kaj ŝi ofte donis mallaŭtan krion de doloro. »Ĉu io okazis al vi, Ŝindon?« ŝi demandis ĉiufoje per maltrankvila voĉo, levante siajn esploremajn okulojn al la liaj. Kaj ŝiaj longe fendiĝantaj okuloj brilis forte eĉ en la mallumo.

Kiam ili transiris la ponton Ŝin' oohaŝi, jen aŭdiĝis ok batoj de noktomezo. La forta sonoro de la sonorilo travibranta malproksimen en resonanta muĝo, ŝajnis alvoki al sia sovaĝa kriego la animon de l' akvo, kiu nun estis plenŝvelanta laŭ la maralfluo, malfermante la bruston nuda al la falanta neĝo, kaj moviĝanta en morta silento kaj malvarmo.

Cuja, ĝis nun silentema, ekparolis: »Kiel rava estas tiu sonorilo! Mi sentas min kvazaŭ en dramo.«

»Ha, viaj nervoj estas pli fortaj ol la miaj,« Ŝinsuke rediris farante grimacon tre malgajan kaj eĉ doloran. Ili resilentis post tio, kaj iris tiel, ĝis ili atingis la domon de la boatisto, starantan ĉe la bordo de la kanalo Onagi.

*(Daŭrigota.)* El la japana: *Joŝiŝi Simomura.*

# USONO EBRIIĜAS

— Georgo Verda —

Ni ŝuldas al Usono kaj al ĝia legantaro koran gratulon: la 5-an de decembro estis tie definitive nuligita la prohibicia leĝo kaj jen, kvazaŭ per magia vergo Roosewelt malfermis la kranojn de ĉiuj vinbareloj de l' mondo. Milionoj, dekmilionoj da boteloj kun aŭtentikaj etikedoj de francaj, skotaj, rumanaj kaj hungaraj vinpremejoj ekstaris tiutage en alloge pakitaj kestoj antaŭ la havenoj de Usono, pretaj inundi la »sekan« landegon. Kaj, kiel raportas la gazetoj, la ĝojo en Ameriko pro la nuligo de l' prohibicio estis tiel granda, ke la tuta kontinento alprenis festan, pompan aspekton: sennombraj homamasoj, kiuj ĝis nun ebriis sekrete, paradis tra la Usonaj stratego kaj avenuoj jubilante al sia benata prezidanto, kiu ekkomprenis la valoron de amara guto en la nuna hundmizera tempo. En la historio de la homaro estas konataj ne malmultaj reĝoj, cezaroj kaj imperiestroj, kiuj volis kredigi al siaj popoloj, ke ili, la reĝoj kaj cezaroj, estas la dio mem — kaj tio eble estis malbone pripensita agmaniero, ĉar ili ĉiuj, la diaj reĝoj kaj cezaroj, plejparte fiaskis en la fino. Roosewelt estas pli sprita — li elsentis, ke »dio« estas io tro fora, kio ne atingas la popolon aŭ povas nur malutili al li, kiel al liaj gloraj antaŭuloj. Tial li preferis elekti la rolon de nura idolo: kaj li fariĝis vera Bakĥo, kiun la popolo adoras ne malpli ol en la antikva Romo.

Mi neniam estis malamiko de bonaj konjakoj, burgundoj aŭ viskoj. Eĉ forta »vodka« havas ofte sian ĉarmon — la bontemplanoj eble pardonos al mi ĉi tiun pekon. En vinglaseto mi neniam vidas la satanon, kaj kiam mi trinkas aŭ drinkas »super la normo«, do, kiam mi, por tiel diri, »disdrinkiĝas«, mi jam ĝenerale — nenion vidas. Kaj eble ankaŭ Roosewelt por tio malfermis la kranojn de l mondo por la usonanoj, ke ili nenion vidu. Tro multe vidi estas ĉiam pli malutile ol tro multe drinki.

Finfine la Usona prohibicio estis ja nur komedio. Ĝi ne nur kreis novan teruran kategorion de banditoj — la Usonajn gangsterojn — en realeco kaj en filmoj; ĝi ne nur ridindigis la ĝeneralan institucion de la leĝo, ĝian kakarakteron kaj esencon, sed jen la plej malĝojiga en tiu ĉi afero — ĝi estis demona rikano, ironia primoko je la suferoj, doloroj kaj bezonoj de la homaro. Por kio oni enkondukis la prohibicion entute? Ĉu por ke la homoj malpli aŭ tute ne trinku? Naive. Por neniu estas plu sekreto, ke en la »seka« Ameriko oni drinkis pli multe ol antaŭe, malgraŭ ke la alkoholaĵoj de la prohibicia periodo estis de la plej aĉa speco. Ĉu por malgrandigi la krimemon? Oni scias, ke neniam Usono abundis tiom je banditoj, kiom en la lastaj jaroj. Do la prohibicio estis eble nur larĝa gesto: oni volis imponi al la popolo per tiu energia kontraŭbatalado al la alkoholo, nia plej terura malamiko. Oni volis fari per tio mondgravan servon. Dankon! Koran dankon! Ekzistas kelkaj pli gravaj aferoj kontraŭbatalindaj kaj ekstermendaj, kaj anstataŭ malpermesi al ni la trinkadon, estus pli dezirinde malpermesi al ni la manĝadon. La tuta prohibicio estis hipokritaĵo kaj la vera kaŭzo de ĝia nuligo estas eble eĉ pli granda.

Sed kion komunan ĉio ĉi havas kun la senlima feliĉo de la Usona popolo, kiu fine rehonoriĝis en siaj rajtoj kaj iĝis egala al ĉiuj gentoj de l' terglovo. La popolo dum 12 jaroj aŭ pli longe ebriiĝadis kontraŭleĝe kaj jen, ĝi subite rajtas ebriiĝadi tute laŭleĝe, kiom ajn ĝi nur volas. Vi rajtas ebriiĝi ĝis senkonscio, vi rajtas malsobra ruliĝi tra la stratoj — kaj neniu eĉ ekpepos kontraŭ tio; male — vi estos bona civitano, ĉar nun ne la danĝeraj gangsteroj, kiuj fabrikis ekskluzive la brandojn, profitos el tio, sed via registaro, kiu enkasigas la monopol-imposton. Nun certe, en ĉiuj publikaj lokoj, kie la oficialaj instancoj afiŝas siajn sentencojn, kiel ekz.: Pagu regule viajn impostojn k. a., brilos ankaŭ lakona feliĉigaĵo: Drinku!

Do mi gratulas al vi karaj usonanoj, kaj el la tuta koro deziras al vi: Je via sano! Drinkaĵo gajigas kaj iom da gajo en tiu ĉi aĉa mizera tempo ankaŭ valoras ion. Kaj eble tiu ĉi mizeraĉa tempo ne meritas pli ol nian ebriadon tra ĝia daŭro. Kaj kiam ni resobriĝos, kiam la brando estos forvaporiĝinta el niaj kapoj, ankaŭ la inkuba periodo estos for. Eble. Eble.

---

zonadojn pri la troproduktado, valuto, kapitalismo, dekapitalizado kaj multaj aliaj ekonomiaj leĝoj. Ili, kiuj konis nur unu rajton, la rajton de l' vivo, pensis, ke ili vidas antaŭ si iajn patologiajn aĵojn de l' naturo.

Post la finita festeno, la Marsa maljunularo kunvokis konsilon:

— Ni ne eraris, — diris la plej maljuna gentano — nomante tiun ĉi strangan planedon Pajaco. Gia sensenca freneza dancado ĉirkaŭ la akso klarigas tute, kial ĝiaj loĝantoj havas tiajn kapturnajn strangajn ideojn. Kion do ni faru pri ili? Ni ja ne repuŝos ilin reture sur la teron! La leĝo de gastameco estas deviga ĉe ni ankaŭ rilate frenezulojn. Ni devas do reteni ilin ĉe ni kaj pripensi helpon por tiuj malfeliĉuloj, tiom pli, ĉar ili verŝajne komencos nin viziti ĉiam pli are.

Post nelonga pripensado, prenis parolon la maljuna arĥeologo:

— Karaj fratoj, ŝajnas al mi, ke mi trovis decan eliron el la ĝena situacio. Vi ĉiuj scias, ke nia planedo inter sennombraj kanaloj posedas unu plej strangan, la kanalon-tunelon, kiu ligas tra la centro de la Marso ĝiajn ambaŭ polusojn. Laŭ miaj supozoj, la konstruo de tiu ĉi kanalo apartenas al la tempo, kiam ankaŭ nin same kiel nun la Pajacon turmentis la periodo de senlaboreco. Tiu ĉi tunelo, kiel rezulto de sencela laboro, hodiaŭ al ni estas senbezona. Ni oferdonu ĝin al niaj gastoj, kiuj komencu de la hodiaŭa tago ĝin superŝuti per sablo. La laboro sufiĉos por multaj generacioj, almenaŭ por tiom da tempo, kiom necesos por klerigi iliajn cerbojn.

Sur la Marso ne estis kutime mallumigi klarajn demandojn per nenecesa diskuto. La projekto estis akceptita. De tiu ĉi tempo la teranoj laŭ sia kutimo laboris pene ok horojn ĉe la plenŝutado de l' tunelo.

Kaj tamen, sur la Tero, malgraŭ grandega eksporto de hommaterialo sur la Marson, la nombro de senlaboruloj ne nur ne malpliiĝis, sed eĉ kreskis konstante. La vivo iompostiome letargiiĝis kaj konsumantoj fariĝis pli kaj pli maloftaj muzeaĵoj.

Kaj dume, la sablo transĵetata el milionoj da ŝoveliloj tra l' senfunda tunelo ŝutiĝis sur la kapojn de la malfeliĉaj teranoj, kreskante iompostiome en grandegan monton.

Ĉu alvenos iam la tempo, kiam la teranoj povos al la gastoj de aliaj planedoj serĉantaj laboron oferi grandanime tiun ĉi monton por disŝuti kiel restaĵon de longe forpasinta estinteco?



# OBSERVO



STEFAN GEORGE (1866—1933).

La morto de granda poeto ĉiam plenigas per ia persona funebro la animon de tiuj, kiuj apartenas al la malgranda sekto de verslegantoj. Granda poeto ĉiam ŝajnas pli supera estaĵo, kiu portas mesaĝon el iu pli supera mondo... Kaj neniam oni povas scii ĉu la mesaĝo jam estas plene transdonita, neniam oni povas certi, ĉu ne la por ĉiam fermiĝintaj lipoj intencis eldiri ian savan vorton, ĉu ne la por ĉiam fermiĝintaj okuloj ekvidis ankoraŭ ian foran lumon en la malespera mallumo de l' kaoso? Tiu aflikto sentiĝas ankaŭ je la morto-famo de George, kvankam lia verko ŝajnas tiel perfekte tuta, tiel definitive senmanka, kiel decas al li, artisto. Karne kaj sange.

Granda soldato, granda pastro, granda germana diktatoro, filo de Apolo kaj Baldur mortis la 4-an de decembro en Locarno kun la morto de l' poeto Stefan George. Lia batalkampo, templo kaj lando estis la animo, lia propra animo kaj tiu de lia epoko. Li atakis la materialismon, demokratismon kaj relativismon de ĉi tiu falinta anĝelo kaj diigis en ĝi la forton, kiu per heroeco, digno, memofero kaj arto kapablas konstrui sur la tero la savantajn transmondojn de l' amo kaj belo. Li ne estis homo de l' hodiaŭo, eĉ ne de l' hieraŭo, li apartenas multe pli al la antikvaj tempoj, al la mezepoko, aŭ eble al la futuro. Lian esencon nur en lia patrujo kaj nur deposte oni povas vere kompreni, kaj ĉi tiu esenco longe, memvole, kaŝiĝis, kaj ĝin longe kaŝis serio da miskomprenoj. La eternan li ekstraktis el la hodiaŭo, el la germana mezepoko, el la grekeco: tiun eternan, tutan homon, kiu nun — en la pasinta duonjarcento — trovis al si plej neinda la ĉirkaŭaĵon, la mondon de la materialismo, de l' grandkapitalismo kaj socialismo, de l' brutiĝintaj, stultiĝintaj kaj ĉirkaŭincensitaj amasoj, tiun ĉioniveligan, ĵonglistan, civilizitan barbarecon, en kiu eĉ ero ne troviĝas el la naiva kreokapabla forto de l' veraj barbaroj.

Lia sinteno efikis provoke kontraŭ la naturalismo, impresismo kaj klasikista epigonismo. Liaj verkoj signifis rompon kun la senzorgo, malprofundo, sentimentalismo, humuro, impresismo. Se tio estus nur pozo, eĉ tiam tio estus brileganta supro. Sed li ne estis pozo, nek malvarmo, nur li malmoligis sin mem. Ŝtalo li estis, kaj diamanto, forto, lumo kaj disciplino. La tutan homon li volis rekonkeri, la tutan homon, la tutan poeton li edukis, hardis en si. La poeton, kiu tre apartenas al la vivo, kiu tiel apartenas al la vivo, ke — krom aliaj — li kuraĝas defendi la belon, kiu ja tute ne fremdas al la esenco de lia verko. Ĉar estas bela la vivo! George ne inklinis rigardi kaj vidi per la okuloj de la naturalismo. La plej ĉiutagajn momentojn li formis en poeziajn ĉefverkojn: la volumo *Das Jahr der Seele* (la jaro de l animo) estas eble la plej »sen-eventa« versvolumo de l' tuta mondliteraturo. En ĝi la rigardanta okulo plezuras pri aŭtuna rozo, nuboĉiĉono, parkdetalaĵo, falanta matura frukto. Sed la rigardanta okulo ankaŭ konstruis, ekkaptis, ĝi kreis statuon kaj pentraĵon, tridimensian travivaĵon por la animo el etaj, sensignifaj pecoj de la realo. La interna ardo, vero, la fidelo al la materio, per kiuj li tuŝis la temojn, plenigis ilian korpon per sango. Ĉi tiuj »belaj« George-poemoj havas karnon. Mallaŭtaj, delikataj, profundaj beloj, realoj ili estas. Ankaŭ la animo, la spirito enkarniĝis en ili.

Sed la miraklo, kiun George faris, estas la lingvo. George rekreis la lingvon de la germana poezio. Li ĉiam trovis la plenan esprimon, tion, kion li ĝuste bezonis, ke la vorto enkorpiĝu. Gundolf diras, ke ne sufiĉas esti genio, ke poeto povu krei novan lingvon, sed de Goethe la germana lingvo neniam atingis tian nivelon, sur kiun George levis ĝin, kaj en la pasinta jarcento, apud Nietzsche, George estas la sola, kiu povis restarigi la mondokrean forton de l' vorto. Pri l' vero de tiaj konstatoj ni, kies patrinlingvo ne estas la germana, ne povas diskuti, sed estas certe, ke ankaŭ ni povas rekoni George el po-unu verslinio, kiel Goethe-citaĵon oni povas distingi de la teksto de ĉiu alia. Potenca mondo estas ĉi tiu nova, george-a lingvo kaj portas sur si la malhelan stampon de la george-a spirito. Kio dolĉa, fleksema, facila, flata estas en ĝi, tio ne estas novo; la vera intereso, la grando kaj novo estas tiu praa gusto kaj forto, pro kiuj ĉi tiu lingvo foje efikas kiel parolo de monstro, parolo malnov-testamenta. La laboron de jarcentoj kaj de tuta raso ĉi tiu poeto igis sia lingvo. Multfoje estas tute angleca ĉi tiu germana lingvo, kiun George parolas, koncizigante, radikigante eĉ la vortojn. La ĝiseksplode koncentrigita temo, la bildodensigo, la pezaj, maloftaj, kompaktaj rimoj, la lingvo, kiu nutras sin el malnovaj radikoj, kiu revivigas arkaikajn aŭ specialajn gramatikajn kaj sintaksajn ilojn kaj formojn, kaj kiu tamen estas natura, ĉiuj ĉi elementoj multfoje el dek unusilabaj vortoj konstruas kvinjamban verson kaj tiukaze ni rememoras, ne nur pri anglaj versoj, sed, eĉ el ili, pri la peza ruliĝo de la Browning-a versmuziko. Armila, kirasa tinto, parolo de l' ŝtonoj ĝi estas, kies obtuza tondro pretendas ŝtontabulon. Ĉe l unu ekstremo troviĝas ĉi tiu sovaĝa forto, kaj ĉe l' alia la plej dolĉaj ludoj de vokaloj kaj konsonantoj, de aliteracioj.

George posedas la veran poeton forton, la realan, konkretan forton de lingvo kaj vido. Ĝi estas bremsita, por ke ĝi ne disfluu, ne maldensiĝu, sed restu muskola, streĉita, kiel la vivanta vivo. »Du gabst dem schmerz sein mass...« (Vi donis al la doloro ĝian mezuron...) La disciplino, la mezuro restis ĉiam. Eĉ tiam, kiam »Gesang verklärter wolken ward zum schrei« (La kanto de aŭreolitaj nuboj iĝis krio), eĉ tiam, kiam ĉi tiu george-a *krio* tiel fortiĝis, ke naskiĝis el ĝi la skolo de nova patoso, kaj ĉiu plua moderneco kaj ekstazo: aktivismo, mesianismo, esprimismo.

Esence George estis ĉiam la sama. Nek lia supertempa rigard-maniero, nek lia tekniko »evoluis«. Dekomence li estis, kiu li iĝis, nur laŭgrade li disvolvis sin. Li ne ŝanĝiĝis, ĉirkaŭ li oni ŝanĝiĝis, evoluis al li. La plej multaj miskomprenis lin. Ankaŭ liaj admirantoj transformis lin. Lin, »la moralan savanton de l tuta homo« nur tre malmultaj akceptis. Krom lia neevitebla lingva efiko ankaŭ la pozitivaĵoj de lia volo: — la heroeco, la kondamno de la servo al la aktualo, la akcento de l' *Bund* (alianco), la absoluta takso, la kulto de l'

vireco, la honoro, la digno, la sort-akcepta eterna homo starigita en la eternan ordon de l' kosmo — faris ja sian efikon al la nova germana liriko (kaj ankaŭ al la prozo), sed la esprimisma poezio kun sia formodetruo, disflua ekstazo, sindisciplina spirito, materialista revoluciemo iĝis plena ma'o al ĝia origino, al la george-a mondo.

La aktuala politiko serĉas en la poeto sian profeton. Miskompreno! Neniam vivis poeto tiom po'itikofora kiel George. Sed por doni signon al tiuj, kiuj ankoraŭ mallerte stumbladas sur la malfacile alireblaj suproj de la George-mondo, li refutis ĉi tiun miskomprenon ankaŭ per ekstera gesto: li ne akceptis sian nomigon al la »reorganizita« prusa poeto-akademio.

Li finis la lastan ordigon de sia verkaro, li faris la lastajn korektojn (li ne apartenis al la *sovaĝaj genioj*, kiuj rigardas ĉion, kio elvenis elsub ilia plumo, netuŝebla sanktajo, definitiva di-manifestiĝo, senpera vorto de l naturo, intencante kaŝi per tio sian senpaciencon kaj senkapablon al memrevizio), farinte sian laboron li foriris. Al la nuna kaj venontaj generacioj apartenas la tasko, deĉifri lian monumentan testamenton. *(lb)*

MIĤAELO BABITS: AVIADISTO ELZA aŭ la Perfekta Socio.

Ne necesas prezenti la aŭtoron al la esp-a publiko: la esp-lingva traduko de lia romano *La Cikonikalifo* iĝis unu el la plej elstaraj librosukcesoj de la lasta jardeko de nia literaturo, ankaŭ la Hungara Antologio konatigis al multaj liajn nomon kaj literaturan profilon. Proksimume de unu jaro li estas grave malsana, sekve de kio li estis devigata preskaŭ senmove kuŝi dum longaj monatoj. Sed la korpaj suferoj neniel subfosis la vigllecon de lia eksterordinare perceptiva intelekto, neniel malpliigis la kreantan forton de lia imagoriĉa fantazio. La propraj suferoj, la propra vivdanĝero ne deturnis lian rigardon de la danĝeroj, sorto de la Homo. Je Kristnasko aperis lia nova verko, kies fragmentoj jam antaŭ du jaroj aperis en tagjurna'o, sed ili estas tiel tralaboritaj, ampleksigitaj, ke la pretan libron oni povas rajte rigardi kiel verkon de la nuna Babits.

La temo? La aŭtoro gvidas nin en la epokon de la Eterna Milito, epoko, en kiu la vivo, la tekniko, la scienco, la individuo, la socio (kiun la aŭtoro kun tiel dolora ironio vestas per la atributo »perfekta«), ĉiu progreso, ĉiu rezulto servas la ununuran celon, la Militon, kiu iĝis la sola senco, la memcela celo de ĉi tiu perfektiĝinta mondo. Ĉio alia, kio kontraŭus aŭ almenaŭ ne helpus la celon, estas ekzilitaj: scienco, kiu ne servas la militan teknikon, arto, poezio, plezuro pri la belaĵoj de l' naturo (oni ja ne povas forlasi la urbojn, neniam oni povas antaŭscii la horon de l' gas-atakoj), la silentaj, intimaj ĝojoj de l' familia vivo, la mistera ligilo inter Viro kaj Virono, la sopiro al pli supera kono kaj belo: ĉio ĉi ne estas utiligebla por militaj celoj, do forigitaj. La homo estas milit-maŝino kiel la teknikaj iloj, li havas sencon kaj valoron, kiom li utiligeblas por militaj celoj. Eĉ la penso de l' libereco estas mortinta, neniu disponas pri sia propra persono, eĉ en siaj plejintimaĵoj, ĉiu estas senkondiĉa sklavo de l milito. La viro plenumas sian devon koncerne infangeneron kaj reiras al la fronto, la virinoj laboras en militaj oficejoj kaj hospitaloj. La vilaĝoj malaperis, ilia loĝantaro rifuĝis en la urbojn por eviti la gasdanĝerojn de malamikaj aer-atakoj; grandiozaj defendorganizaĵoj, ĉiudistrikte starigitaj »aer-grotoj« savas la urban loĝantaron, kiam ekhurlas la alarmsignalo anoncanta la proksimiĝon de l' malamiko. Ĉio servas la militon, nur invalidajn kaj kriplajn virojn oni povas vidi, la aliaj talpumas en la subteraj fortikaĵoj de l' fronto. (Riĉaj gepatroj ofte sukcesas savi siajn infanojn per postnaskiĝa kripligo, pri tio la registaro fermas la okulojn — se la nombro de tiel savitaj infanoj ne transpaŝas certan kadron.) Timinda, mistera potenco regas super la homoj, ĝi regas super la vivo, kies plej sensignifaj detaloj estas regulitaj laŭ la bezonoj de l' milito.

Ĉu utopio? Eble inversita utopio. La malnovaj utopioj prisonĝis la sopirojn de l' homaro, per streĉo de fantazio ili provis konstrui mondon pli bonan ol la ekzistanta, ian idealan vivformon. La libro de Babits parolas pri tio, kia estos la socio perfekte realiginta tiujn devizojn, kiuj al granda, kaj bedaŭrinde ĉiam pli granda parto de l' homaro ŝajnas identi kun la patriotismo, naciismo kaj aliaj grandaj ideoj. En sia fantazio la poeto faras la finan konkludon el la nuna militarista naciista spirito kaj precipe el la kontraŭindividualismo, kiu la individuon pelas sub la jugon de l' kolektiva socio, kaj li kreas mondon, kiun ĉi tiuj devizoj organizis. Kaj li montras, kion signifos ĉi tiu mondo por la individuo.

La antaŭaj romanoj de Babits temis pri la unuopulo, pri liaj individuaj, familiaj, amaj komplikaĵoj, suferoj kaj sopiroj, klopodoj kaj trompiĝoj. Ili montris animojn, kiuj vivis, ŝanĝiĝis, formiĝis, venkis aŭ falis interne de la malvasta rondo de privata vivo; la publika vivo rolis nur fone. Ankaŭ en la *Aviadisto Elza* rolas homoj; aperas al ni vizaĝoj desegnitaj per delikataj trajtoj, vizaĝoj, kiuj helas de rideto aŭ deformiĝas de doloro, sed ĉi ia sorto estas spegulo, en kiu respeguliĝas la sorto de l' homaro. Kaj kio gravas, tio estas la spegulbildo. Ne tio estas la demando, kiel formiĝas la sorto de Elza kaj de l' homoj ĉirkaŭ ŝi, sed, kia estas la vivo, kiu tian sorton donas al la rolantoj. La vera rolanto de la libro ne estas homo aŭ homoj, sed la homaro. La poeto montras, kien atingos la homaro, se certaj, hodiaŭ aktivaj, tendencoj kaj pensmanieroj pluevoluos ĝis la plej konsekvencaj konkludoj, kaj realiĝos en institucioj, ŝtataj kaj sociaj organizaĵoj.

El ĉio ĉi evidentas la celo de l' verko: en la bildo de l' estonto, kiu logike konkludeblas el la nuno, doni *la kritikon de l' estanto.*

Tamen la libron verkis ne sociologo, nek filozofo, sed poeto. Ne teorie li vidigas la estontan mondon, sed en konkretaj bildoj, tra homaj vivoj, animoj, tra okazaĵoj de ĉi tiuj vivoj. Li vidigas la vizaĝojn de ĉi tiuj homoj: vizaĝojn turmentitajn de doloro, apatiajn pro malespero, brutiĝintajn pro senkonscio. Jam ĉe la komenco li gvidas nin en amas-scenon, inter la popolon, kiu je la alarmsignalo rifuĝas en aer-groton. Por momento profiloj maldronas el la sufok-aera sceno, ni vidas la svarmon de l' kunpremita amaso, ni flaras la mucidan odoron de l' giganta ejo, ni sciiĝas, diversaj homoj je kiaj diversaj manieroj reagas al la vivo, je kiu itia epoko devigis ilin. Ĉi tiu komenca sceno ankaŭ en sia ellaboro estas verkista virtuozeco, grandioza plenumo de vido per objektiva animo. La poeto popolumas la mondon, kiun li kreis, per vivaj homoj, per la neestingebla, eterna homa sufero, sur kies vojo pasas la martireco de l' homaro. El ĉi tiuj vizaĝoj per diversaj voĉoj, per diversa forto parolas la eterna protesto de l' homaro kontraŭ la martireco, kiun ĝi mem devigis sur sin, ĝiaj propraj sovaĝaj instinktoj kaj sensencaj eraroj. Ni vidu kelkajn profilojn el la svarmo de l' figuroj. La patrino: en ŝi vivas ankoraŭ la sento kaj nervstrukturo de pasinta pli bela mondo kaj ŝi ne povas trankvile akcepti ĉi tiun novan mondon kiu forrabis ŝian filon kaj kiu nun intencas engluti ŝian filinon, ĉar ĝuste nun oni voĉdonas leĝon pri la soldatiĝo de l' virinoj. La patro: li komforte faras kompromison kun la cirkonstancoj — kun ĉiaj cirkonstancoj —, ŝtata eminentulo, kiu sensente kaj senpense muelas la stereotipaĵojn de l' epoko kaj en sia malplenkapa egoismo eĉ ne komprenas la suferojn de sia edzino. La altranga, potenca kuracistgeneralo, reganto super vivo kaj morto de milionoj, en kiu ankoraŭ atavisme vivas la scienca diletantismo de pasintaj generacioj, la inklino al ludo per interesaj pensoj, sed kiu tamen cinike servas la sole validan reĝimon. Kaj la kulturita, ribelema, aŭdaca knabino, aviadisto Elza, ĉi tiu radianta, delikata fenomeno, kun sia instinkta malamo kontraŭ ĉi tiu mondo, ol kiu pli bonan neniam ŝi konis; Elza, kiun la subkonscia malamo kaj rifuĝvolo portas al aŭdaca kaj fatala flug-aventuro sur la teron de l' malamiko...

Ĉi tiun fantazian mondon la verkisto enkadrigas en alian fantazion: li rakontas historion pri »Malgranda Tero«, kelkcentmetra planedo, kiun scienculo artifike konstruis; ĝi estas kompreneble multmiloble pli mal-

granda ol la Tero, do sur ĝi multmiloble pli rapide sursceniĝas la Historio de l' Tero. Kaj ĉe la fino de la libro la verkisto malkaŝas, ke la Eterna Milito okazas sur ĉi tiu »Malgranda Tero«. Jen el la postparolo:

»La mondo de l' Eterna Milito povas realiĝi, eĉ en pli mallonga tempo, ol ni kredus. Sed ĉi tiu libro ne estas profetaĵo, nur admono. Kaj estas granda diferenco inter nia tero kaj la planedo priskribita en la romano. La romano forlasas el la kalkulo Dion. La teron de l' Eterna Milito ne Dio kreis. Kaj eble sur tiu tero, kiun Dio kreis, ne povas okazi tiaj aferoj. Eble Dio inspiros tiujn, kiuj konfesas sin liaj servantoj, ke per sia pacreligio ili staru en la vojon de la milit-religio... Ĉar kontraŭ religio povas batali nur religio...

»Sed estas eble ankaŭ, ke li forlasos nin, kaj eĉ toleros, ke ankaŭ liaj servantoj servu la batalon. Dio estas pacienca. Li ne sendas fulmojn. Eĉ mi kredas: el la mondo, kiu ne zorgas pri li, Dio malaperas.« *(lb)*

(X.) BERTRAND RUSSEL: GEEDZECO KAJ MORALO. Bertrand Russel, unu el la plej interesaj filozofoj kaj sociologoj de niaj tagoj, defiligas en tiu ĉi libro trarigardeble kaj klare ĉiujn problemojn, kiuj iel ajn rilatas al la homa kunvivo kaj precipe al la seksaj kontaktoj. Familio, geedzeco, eksteredzeca amo, timigaj korpaj kaj animaj malsanoj, ras-nobligo kaj ankoraŭ mil aliaj ideoj kaj devizoj defilas sur la paĝoj de la libro de *Russel*, por fiksi samtempe por si tiun mondrigardan ŝazon, sur kiu la homo de la moderna epoko prijuĝas ĉi tiujn problemojn, iam deklaritajn tiom ĝenaj. Por ricevi perspektivon al la prijuĝo de la nuna stato, *Russel* antaŭe ekzamenas kelkajn sistemojn, kiuj ekzistis en la pasinto aŭ kiuj ekzistas ankaŭ nun, sed inter malpli civilizitaj homoj. Poste li parolas pri la hodiaŭa epoko kaj tie ĉi li prezentas kun akra esploro kaj kelkloke kun senindulga ironio la kontraŭdirojn, je kiuj ni ĵuras.

Jen kelkaj tre interesaj pensoj: *Ĉar la maljuna homo havas en la plej multaj socioj pli grandan gravon, ol la junulo, estas komprenebIe, ke en seksaj problemoj la oficiala kaj korekta opinio ne povas esti la opinio de la bol-sanga junularo . . . La transira stato de la nuntempaj moraloj estas motivebla esence per du kaŭzoj: unu estas la virin-emancipado, dua la invento de la medikamentoj kontraŭ la koncipiĝo . . . La moraloj nova kaj malnova, starantaj unu kontraŭ la alia, ekigas ankaŭ tre definitivan problemon. Se la ĉasteco de l' knabinoj kaj la fideleco de l' virinoj ne plu estas postulebla, oni devas — aŭ trovi novajn rimedojn por la certigo de l' familio, aŭ lasi ĝin disfali. La vero estas, ke la tutan problemon de la seksa moralo oni devas denove trapensi . . .*

*Russel* ja trapensas la problemon: la troigo de la religia opinio, la danĝeroj de l' prisilento, la rilato inter la geedzeco kaj prostituo, la sennombraj paradoksoj de la hodiaŭa familia vivo, prov-geedzeco kaj la plifaciligo de l' disiĝo: pri ĉio ĉi tio li havas interesan kaj atentindan direndon. Oni povas konsenti kaj diskuti kun li. Sed lian originalecon kaj kelkloke preskaŭ konsternan kuraĝon oni ne povas kontesti. Kaj tiu ĉi kuraĝo kaj »vort-eldiro« estas certe la plej granda valoro de la libro de Bertrand *Russel*.

(X.) FARRERE CLAUDE: KONKURANTOJ. La filino de kolonelo *Hennebont* edziniĝas al *Paul de la Bohalle*. La gejunuloj ĉiamaniere ŝajnas indaj unu al la alia;, ankaŭ la cirkonstancoj estas tute en ordo, sed la patrino de l' knabino estas tro bela kaj tro juna. Dum la edziĝvojaĝo — ankaŭ la patrino akompanas la novajn geedzojn — jam eksplodas la tragedio. *Isabelle* ekscias, ke la edzo, kiu ne uzis siajn edzajn rajtojn, estas la amanto de ŝia patrino. En sia konsterniĝo ŝi provas sinmortigon, sed oni ĝustatempe rimarkas tion kaj ŝi restas viva. Ŝi ne riproĉas la edzon, sed la patrinon ŝi ne volas plu vidi. La bela patrino estas tiom senkonscienca kaj tiom stulta, ke ŝi ne komprenas, kial ŝi estus farinta pekon, la filino ja ne estis enamiĝinta al *Paul*. Per la helpo de la patro *Isabelle* sukcesas aranĝi, ke ŝi kun la edzo ekvojaĝu al Ameriko, por disigi la edzon kaj patrinon. La juna edzino senvorte toleras la humiligon, ke la edzo ankaŭ plu vivas kun ŝi indiferente, — sed ŝi ne forgesas kaj ne pardonas. Sin vivigas la penso de l' venĝo kaj ŝi ne eksiĝas de la edzo — kiun ŝi malamas same forte kiel la patrinon, — por ke li ne povu reiri al la amatino. *Paul de la Bohalle* post dujara indiferento neatendite ekflamas al sia edzino — kontraŭ ŝia volo li volas vivi kun ŝi edzecan vivon. La edzino toleras tiun ĉi amon, kiel ĝis nun la indiferenton, sed profunde en la animo ŝi ankaŭ plu malamas la edzon. Eksplodas la milito. *Paul* rapidas hejmen kaj ankaŭ *Isabelle* kun li tra la Oceano. Dum la edzo estas sur la batalkampo, ŝi distrumas kun Amerikana dolarreĝido kaj sendadas leterojn al sia iama amindumanto, en kiuj ŝi pentras konsternan bildon pri sia anima ruiniĝo. Tiu ĉi amindumanto — *Fred Prahecq* — antaŭ jaro laŭ ŝia deziro preskaŭ mortigis *Paul de la Bohalle*-on, kiun li nun renkontas sur la batalkampo. La turmenta konscienco kaj memakuzo nun devigas *Fred* surpreni anstataŭ *Paul* danĝeran komision, en kiu oni dispafas lian genuon. Dum li forestas, *Paul-on* murdas grenado. La patrino fariĝas monaĥino, kiam ŝi ekscias, ke mortis ŝia amato; kolonelo *Hennebont* — kiu dume fariĝis armeestro — atingas malbelan morton sub la radoj de vagonaro kaj Fred *Prahecq* lame revenas el la milito. Ĉiuj figuroj, ĉefaj kaj flankaj, de la amar-tona romano estas psikologiaj ĉefverkoj kaj la detaloj de l' okazaĵoj estas plenigitaj de ekscita streĉo.

(X.) H. G. CARLISLE: SANGO EL MIA SANGO. La mildan, bonaniman *Mary Knight*-on edzinigas *Frank Williams*, la komizo de la New York-a Landry-Vendodomo. Ilia geedzeco estas tre feliĉa, sed *Mary* tute mueliĝas en la prizorgado de la kvar gefiloj naskiĝintaj unu post la alia. Poste, kiam pro tragika akcidento ŝi restas vidva, ŝi devas labori ankoraŭ pli pene, por eduki ilin. Ŝia plej aĝa filo fariĝos sentaŭga bandito, kiu amarigas la vivon de la tuta familio kaj fine atingas la elektran seĝon pro la murdo de sia fratino: knabino vivanta en iluzioj kaj ebriiĝinta de la moderna vivpercepto. La dua filo fariĝas genia konstru-inĝeniero, la plej aĝa filino — tute la kopiaĵo de l' patrino — vivas feliĉe kun sia edzo. La infanoj tute malŝatas unu la alian, sed la patrina koro tamen egale amas ilin. La vivo de Mary estas nura lukto, tamen, kun pia, sankta kredo ŝi deklaras, ke — »la vivo estas donaco por ni . . . kaj eĉ la sufero estas bela; kiam oni suferas, oni havas sentimentojn kaj se oni ne havas sentojn, oni estas nenio . . .« — La vivon de la hodiaŭaj amerikanaj etburĝoj projekcias antaŭ nin tiu ĉi sincer-voĉa romano, kiu kortuŝe sentigas, kiom da suferoj kapablas elteni la homa animo.

(X.) LA STRANGA LIBRO DE BORIS PILNJAK. Strangan volumon eldonis *Boris Pilnjak*, la konata rusa verkisto. La libro temas pri Japanujo kaj entenas ardajn atakojn pri alia, pli malnova libro, ankaŭ temanta pri Japanujo, kies aŭtoro estas same Boris Pilnjak. La verkisto refutas ĉiun linion de sia antaŭa libro, esprimas sian miron, ke li povis iam skribi tiajn erarojn kaj alvokas la legantojn, ke ili ne legu lian antaŭan libron.

---

**Vortoj netroveblaj en la Plena Vortaro**

*Evento:* ne malgrava okazaĵo; *gejŝo:* japana kantistino-dancistino; *mesaĝo:* sendita sciigo; *prohibicio:* alkoholmalpermeso; *relikvo:* sankta restaĵo; *rufa:* flavruĝa (bestkoloro); *sinki:* fali malrapide, kvazaŭ retenate; *stumbli:* faleti, falpuŝiĝi; *suspiri:* ĝemspiri, sopirspiri.

---

La tri Laval-karikaturoj estas ilustraĵoj por la baldaŭ aperonta volumo: »El la Verda Biblio« de I. Lejzerowicz.

B a l d a ŭ  a p e r o s

# Enciklopedio de Esperanto

Iniciatinto-ĉefredaktoro:

## I. Ŝirjaev

Redaktoro:

## Ludoviko Kökény

Redakcianoj:

### Vilhelmo Bleier kaj Kolomano Kalocsay

**Ĉefkunlaborantoj ĉiuj konataj esperantistoj**

La verkego okupiĝas pri la tuta movado, pri ĝia historio, propagandaj metodoj, literaturo, lingvo, organizo, laborantoj en ĝi, ĉio en maniero de scienca Enciklopedio. — Kun densega komposto, en granda formato, almenaŭ 600 tekstopaĝoj kaj proksimume 200 bildopaĝoj ĝi estos la plej granda esperanto-verko de la lastaj jaroj. — Membroj de AELA 1933. ricevos la verkegon por sia kotizo pagita, membroj por 1934. rajtos aĉeti unu ekzempleron por la prezo de 14·— sv. fr. — La verko post apero kostos minimume 30·— fr. sv.

**Eldonas Literatura Mondo kaj AELA**

# Universala Esperanto Asocio

**c e l a s ;**

*Disvastigi* la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto.
*Plifaciligi* la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo.
*Krei* internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio.
*Kreskigi* inter siaj membroj fortikan ligilon de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon por fremdaj popoloj.
La Asocio estas neŭtrala rilate al religio, nacieco aŭ politiko.

**d o n a s :**

*Al la membroj:* Membrokarton kaj kvarcentokdekpaĝan Jarlibron kun la adresoj de la Delegitoj, Esperantistaj grupoj, gazetoj, organizajoj, kun sciigoj pri internaciaj rilatoj ktp.
*Al la Subtenantoj:* Krom ĉiuj dokumentoj, kiujn ricevas Membro-Abonanto, premion konsistantan el Esper-artikoloj literaturaj, sciencaj, teknikaj kaj precizaj informoj pri la movado.
*Al la Subtenantoj:* Krom ĉiuj dokumentoj, kiujn ricevas Membro-Abonanto, premion konsistantan el Esperanto-literaturo.
Ĉiu aliĝinto rajtas presigi senpage korespondan anonceton unufoje en la gazeto »Esperanto«,

**kaj postulas nur modestan kotizon**

de 5 Fr. por Membro, de 12,50 Fr. por Membro-Abonanto kaj de 25 Fr. svisa valoro por Membro-Subtenanto.

# NUR 10 CENTIMOJN



kostos unu numero de la nova kvaronjara gazeto:

# LIBRO, LINGVO

Aperos en februaro. Formato de Literatura Mondo, sur la 16 paĝoj, ilustritaj. Senpage por abonantoj de L i t e r a t u r a  M o n d o kaj anoj de AELA

E. Aisberg

## Nun mi jam komprenas radion!

La sola teknika verko, kies esperantan originalon oni tradukis en 13 lingvojn!




Plej bona instruilo ● Plej bona amuzilo ● Plej bona propagandilo

## Sensacio en Esperantujo

estas la monata HEROLDO, kiu de post februaro de 1934 aperas ĉiumonate kun 8 ĝis 10 paĝoj en tagĵurnala formato kaj ilustrita. La ĉiusemajna HEROLDO komprenebIe plu aperas regule, nun jam en sia 15-a eldonjaro (aperis jam pli ol 750 numeroj). La monata HEROLDO kostas nur 2.50 svisajn frankojn aŭ egalvaloron por la tuta jaro 1934. — Sekve ĝi estas

**la plej malkara Esp-gazeto**

Tuj abonu! Kiu varbas 4 abonantojn, ricevas sian propran abonon senpage. Spec. numero 10 paĝa (grandformataj paĝoj de tagĵurnalo) kontraŭ respond-kupono de poŝto aŭ de UEA aŭ kontraŭ germana poŝtmarko de 0.20 gmk. Sed postulu speciale la monatan eldonon, aŭ eldonon M (monata)! Skribu tuj al

**Heroldo de Esperanto, Köln**

Brüsseler Strasse 94, Germanujo

**ESPERANTISTOJ!**

Vi ofte esprimis la deziron havi **sendependan organon liberan por ĉiuj**

**TIA ORGANO ESTOS**

## NIA GAZETO

malkarega, monata, grandformata, okpaĝa, ilustrita, internacia revuo

Direktoro: **Georges Avril**
Ĉefredaktoro: **Grenkamp-Kornfeld**

**Prezo de abono**

Tri svisaj farnkoj por 12 numeroj (en Francujo 10 francaj fk), nur antaŭpage. Pagebla per poŝtmandato, monbiletoj, respond-kuponoj, kuponoj de U. E. A.

**Redakcio kaj administracio**

ĉe **L' Eclaireur,** 29 avenue de la Victoire, NICE, Francujo

**LA UNUA NUMERO APEROS LA 15-AN DE FEBRUARO**

Post „Morgaŭ Matene" kaj „La Norda Vento" oni ne plu devas konatigi al la esperantista legantaro la nomon de

**FREDERIKO KARINTHY**

Liaj nun eldonataj noveloj, la guliverstila

## VOJAĜO EN FAREMIDON

kaj la historirakonta

## DU ŜIPOJ

Unuigas en si la filozofon kaj fabeliston: la filozofon, kies senindulga logiko, kruele malfermitaj okuloj, nesubaĉetebla sinstreĉo al la perfekto gvidas nin super terure profundaj animoj de la homa penso kaj la fabeliston, kiu per neelĉerpeble abunda fantazio, per sorĉistmana facileco, per pika satiremo vekas la malfacilan temon en facile ĝueblan, interesege fantazian vestaĵojn kaj tiun vestaĵon majstre imitis en sia traduko **Ludoviko Totsche.** — La verko en formato de 20×13.5 cm. sur 84 paĝoj kostas 1.20 sv. fr. plus 10% por sendkostoj. Por membroj de AELA unu ekzemplero kostas **50 centimojn sv. plus 10 centimojn por sendkostoj**

Felelős szerkesztő: Dr Szilágyi Ferenc — Felelős kiadó: Bleier Vilmosné. — Pestvidéki Nyomda Vácon. — A nyomdáért Bénik Gyula felelős.